XIX[a] jaro. N° 275 (7) ☆ Monata ☆ Julio 1923

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

Simpla abono . . . . . . . . . . . . . . . . 10.— Fr. Sv.
Kun la membreco de UEA . . . . . . . . 12.50 Fr. Sv.
Unu numero . . . . . . . . . . . . . . . . 1.— Fr. Sv.
*Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en januaro*

REKLAMO

Anonco (unu centimetra kolonero) . . . . 2.— Fr. Sv.
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . . 0.50 Fr. Sv.
Korespondado (1 enskribo) . . . . . . . . 0.75 Fr. Sv.
*Vidu naciajn prezojn en la koncerna Ĵako!*

FONDINTO: HECTOR HODLER GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT

ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE

*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15ª de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*



## De Venezia al Nürnberg.

Responde al la demando de la Itala Komerca Ĉambro por Svislando, la jenaj organizaĵoj jam informis ĝin ke ili oficiale decidis per voĉdono konfirmi la rezolucion numero 1 de la Internacia Komerca Konferenco de Venezia, rekomendanta la ĝeneraligon de Esperanto kaj ĝian instruadon en komercaj lernejoj:

Komerca Ĉambro de Paris;
Franca Komerca Ĉambro en Londono;
Franca Komerca Ĉambro en Napoli;
Komerca Ĉambro de Nîmes:
Komerca Ĉambro de Reichenberg;
Komerca Ĉambro de Brno;
Komerca Ĉambro de Hradec Králové;
Komerca Ĉambro de Tarare;
Komerca Ĉambro de Valencia;
Komerca Ĉambro de Ticino;
Komerca Ĉambro de Valais;
Foiro de Praha;
Foiro de Reichenberg;
Foiro de Milano;
Foiro de Ljubljana;
Foiro de Basel;
Porfremdula societo de Bourg en Bresse;
Porfremdula societo de Vivarais;
Franca Respublika komitato de Komerco, industrio kaj agrikulturo:
Alta komerca lernejo virina, Paris;
Itala Komerca Ĉambro en Londono;
Italo-Brazila Komerca Ĉambro en Genova;
Itala Komerca Ĉambro en Belgio;
Itala Komerca Ĉambro en Tunizio;
Komerca Ĉambro de Arezzo;
Komerca Ĉambro de Carrare;
Komerca Ĉambro de Cremona;
Komerco Ĉambro de Fiume;
Komerca Ĉambro de Lecce;
Komerca Ĉambro de Piacenza;
Komerca Ĉambro de Pisa;
Komerca Ĉambro de Udine;
Komerca Ĉambro de Varese;
Turisma Oficejo de Svislando;
Turingklubo de Ĉeĥoslovakio;
Pola ministrejo de Komerco;
Publika Instruado en Ticino;
Franca Ĝenerala Konfederacio de Meblarto.

Ĉar la raportoj kaj akompana letero forsendiĝis nur antaŭ kelkaj semajnoj, tiu kontentiga listo estas kompreneble nur komenco. Pluaj konfirmoj daŭre alvenas kaj alvenos. Ili montras, ke la laboro efektivigita en Venezia ne estis vana kaj ke la semo ĵetita en komercan mondon jam ekportis florojn. Intence mi diras „florojn“ ne „fruktojn“, ĉar veraj fruktoj estos nur la pliaj ekzemploj de komerca uzo de nia lingvo, kiel jam inaŭguris la foiroj.

Multege da bonaj ideoj tiurilate eliris en Venezia kaj sendube estos ankoraŭ diskutataj en Nürnberg kie la prezidanto de UEA pritraktos la rezoluciojn de la Venezia Konferenco kaj la praktikajn sekvojn donatajn al ili de la Universala Esp.-Asocio. Niaj kongresoj ĉiam donas okazon aŭdi pri utilaj kaj interesaj proponoj. En mezo de festo kaj somera sezono oni ne povas atendi detalan prilaboradon de planoj, sed oni kunportu bonan poŝlibron kaj notu ĉion. Poste dum aŭtuno venas la momento pripensi praktike ĉion kaj dum la vintro realigi la plej oportunan.

Ni kore alvokas al ĉiuj amikoj ke ili alportu al Nürnberg la rezultatojn de sia postvenezia raportado kaj saĝe kunlaboru al nia provizado de bonaj ideoj. Nur ili limigu sian proponemon al la eblеco de niaj rimedoj por ne perdi tempon en nepraktikaĵoj. Por venki estas bezone ja kuraĝo sed ankaŭ plenkono de siaj propraj fortoj kaj komparo kun tiuj de la malamiko.

*Edmond Privat.*

 EL NATURO KAJ SCIENCO 

## Pri telaŭtografo.

Ĉe la Konferenco de Venezia, S-ro Croisat (Lyon), delegito de U. G. E. T. I. C. A. (Unuiĝo ĝenerala de la lernantoj-teknikistoj de industrio, komerco kaj kampokulturo), atentigis pri la fakto, ke 46 lingvoj estas akceptataj de la telegrafoficejoj kiel „klara lingvo" (inter ili la „amarik", la „kisuaili", la „luganda", la „uolof" kaj la „latina") por la internaciaj telegramoj (plus en Franclando la baska, la bretona, la gaskona kaj la provenca dialektoj; do entute 50), sed ke Esperanto estas konsiderata de tiuj telegrafoficejoj kiel „sekreta lingvo" kaj pro tio devas pagi duoblan takson. Tiu atentigo kondukis post diversaj klarigoj al akcepto de la VIa rezolucio de la Konferenco.

La 25 aprilo 1923, dank' al speciala klopodo de S-ro Archdeacon, la demokrata „Semaine des P. T. T." (poŝto, telegrafo, telefono) en Paris unuanime esprimis deziron ke: 1e la telegrafa administracio de l' Franca Respubliko akceptu la internacian helplingvon „Esperanto" kiel „klaran lingvon" por la redakto de enlandaj telegramoj; 2e la Internacia Telegrafa Oficejo rapidigu la akcepton de „Esperanto" kiel „klara lingvo" por la redakto de internaciaj telegramoj; 3e la Universala Telegrafa Unuiĝo akceptu la lingvon „Esperanto" por la redakto de prokrasteblaj telegramoj.

La 1 majo, la alia „Semaine des P. T. T.", organizita ankaŭ en Paris de mastraj korporacioj unuanime (minus unu voĉo) malakceptis similan deziresprimon: post insisto de S-ro Soury, membro de Komerca Ĉambro de Paris, kiu meritas niajn varmajn dankojn, oni esprimis la deziron ke: 1e Esperanto estu akceptata kaj taksata kiel „interkonsentita lingvo" por la redakto de enlandaj telegramoj; 2e la franca administracio efike helpu al internacia interkonsento por akcepto de Esperanto kiel „interkonsentita lingvo" por la internaciaj telegramoj.

Nu! vole nevole la franca administracio jam nun akceptas nian lingvon kiel tre „klaran lingvon", se ne ĝenerale, almenaŭ por enlandaj telaŭtogramoj: oni ne povas ĉiam bari progreson.

La jena bildo prezentas telaŭtogramon senditan el Lyon kaj ricevitan en Paris laŭ procedo elpensita kaj per aparatoj kreitaj de S-ro Edouard Belin. Al tiu telaŭtogramo S-ro Archdeacon respondis per sama procedo:

*„Al S-ro Poncet, Vic-ĉefdelegito de Universala Esperanto-Asocio, 30 rue Ferrandière, Lyon. — Efektive, la telaŭtografo de S-ro Edouard Belin tre utilos al Esperanto. La telegrafaj administracioj de diversaj landoj, kiuj ankoraŭ konsideras, ke la internacia helpa lingvo estas „sekreta lingvo", devos akcepti ĝin „klara lingvo", kiam la telaŭtografo funkcios en la tuta mondo.— Paris, la 4an de junio 1923. — Ernest Archdeacon, Prezidanto de la Grupo Esperantista de Paris."*

Al Sinjoro Archdeacon,
Prezidanto de la Grupo Esperantista de Paris,
77 rue de Prony, Paris-17.
Ĝis nun la franca telegrafa administracio ne konsideras Esperanton „klara lingvo" sed „sekreta lingvo". Kvankam ĝi estas tre facile komprenebla, pli facile ol multaj inter la 50 lingvoj akceptataj kiel „klara lingvo", ekzemple: araba, baska, finna, hebrea, hungara, japana, turka, k. a. Tamen per la fama telaŭtografo elpensita de S-ro Edouard Belin, franca sciencisto, jam funkcianta inter Paris kaj Lyon kaj inter Paris kaj Strasbourg, Esperanto ne pagos duoblan takson.
Lyon, la 4. junio 1923. Poncet.
Vic. ĉefdelegito de Universala Esperanto-Asocio

Jam de pli ol dudek jaroj S-ro Edouard Belin prilaboras tiun procedon. En 1897 li studis kaj praktikis karbfotografan procedon en Wien kaj en 1904 fototipion en Lyon'a artpresejo. El la unua li ĉerpis ideon, kiun li aplikis al transsendo de skribaĵoj, desegnaĵoj, kaj fotografaĵoj per telegrafa fadeno. Tamen estas pli facile klarigi la telaŭtografon ĝin komparante kun fototipio, ĉe kiu la reliefo estas pli sentebla.

*Fototipia principo.* — Kiel ordinara fotografa plato, filmo de bikromata gelateno estas impresebla je lumo, kaj jupli intense la lumo impresas, despli nesolvebla fariĝas la gelateno. Post espozo de tia filmo malantaŭ negativo kaj lavado per varma akvo, kiu forviŝas la neimpresitajn solveblajn molekulojn, restas reliefa fotokopiaĵo; ĝin inkoŝmirinte, oni povas ricevi preskopiaĵojn.

*Transsendo de fotografaĵo per mikrofono* — Por tio estas necesa tia reliefa fotokopiaĵo per bikromata gelateno. Oni gluas la fotokopiaĵon sur cilindron, kiu moviĝas kiel cilindro de malnova fonografo antaŭ akra pinto, kiu per risorto pli aŭ

malpli forte efikas ĉe mikrofono. La premvarioj de la pinto, korespondantaj kun la diversaj reliefoj de la fotokopiaĵo, rezultigas per la mikrofona membrano intensvariojn de elektra fluo·

*Ricevo de fotografaĵo per galvanometro.* — Oni bezonas plej delikatan galvanometron, kaj pro tio oni uzas oscilantan galvanometron de S-ro Blondel: unumilimetra speguleto inter du fadenoj, kies diametro ne superas unu centonon da milimetro; ĉe ĉiu intensvario de la elektra fluo la speguleto movetiĝas dekstren aŭ maldekstren. Tiu speguleto estas ĝuste ĉe la fokuso de lanterno de Foucault, kaj respegulas lumpunkteton, kiun oni nomas spoto. La spoto promenas sur skreno grade diafana kaj maldiafana, kaj trans tiu skreno la spoto estas pli aŭ malpli lumintensa laŭ la grado de la diafangamo, kiun ĝi trairis. Lenso recentrigas la spoton al trueto de metala skatolo, en kiu moviĝas cilindro simila al la unua; sur la cilindro fotografa papero impresiĝas per la spoto kaj estas rivelota kiel ordinara filmo. La lumintenso de la spoto variis laŭ la intensvarioj de la elektra fluo; la fluintenso variis laŭ la reliefoj. Do rezultas, ke la lasta fotografaĵo reproduktas la originalan reliefan fotokopiaĵon. Tiuj reliefoj estas mezureblaj per nur 2 aŭ 3 centonoj da milimetro; oni do komprenas, kiom delikataj devas esti ĉiuj aparatoj.

*Sinkrono de la du cilindroj.* — Alia malfacilaĵo konsistis en tiu nepra neceso, ke ambaŭ cilindroj devas absolute precize samtempe moviĝi. Por tio la riceva cilindro turniĝas apenaŭ iomete pli rapide ol la transsenda cilindro kaj post ĉiu turniĝo haltas, ĝis kiam la transsenda liberigas la ricevan per speciala elektrofluo.

*Transsendo kaj ricevo de skribaĵo aŭ de desegnaĵo.* — Specialaj folioj de ordinara papero prezentas du ortangulojn 135×48 mm. Ĉiu ortangulo povas enteni ĉirkaŭe 80 aŭ 120 facile legeblajn vortojn kaj kostas 10 fr. fr.; la du ortanguloj (kune 135×96 mm) do povas enteni ĝis 240 vortoj kaj kostas 20 fr. fr. Oni skribas per speciala inko, surŝutetas pulvoron de lakgumo kaj varmigas la folion; post apenaŭ du minutoj la folio estas preta kaj prezentas reliefan skribaĵon. Ĉar temas nun nur pri reliefoj kaj malreliefoj sen gamo, oni ne bezonas mikrofonon por la transsendo kaj diafangamon por la ricevo: sufiĉas, ke la akra pinto komutu renkontante reliefajn punktojn kaj malkomutu ĉe malreliefaj punktoj. Por transsendi (kaj ricevi) skribaĵon sur la du ortanguloj, necesas ĉirkaŭe 5 minutoj. Por transsendi fotografaĵon oni iom plimalrapidigas la cilindrojn.

*Diversaj procedoj.* — Oni povas uzi samsencan elektrofluon per ordinara telegrafa fadeno; tiam uzebla estas portebla transsenda aparato, kiu pezas nur 9 kilogramojn, speciale utila por ĵurnalistoj. Oni povas uzi alternan elektrofluon per kutimaj telefonaj fadenoj; tiam la sinkrono estas atingebla nur per elektra pendolo. Oni povas uzi la radiondojn: tiam la sinkrono estas iom malpli facile atingebla; tamen oni plene sukcesis inter la amerika stacio de Annapolis kaj la laboratorioj Belin en La Malmaison apud Paris, kaj inter la stacio La Fayette apud Bordeaux kaj la stacio de Bar Arbor en ŝtato Maine (U. S. N.); tiam oni preferas galvanometron de Einthoven kun arĝentoza kvarca fadeno; la senfadena telaŭtografo multe pli bone kaj simple kaj rapide funkcias ol ordinara senfadena telegrafo (pli rapida transsendo, senerara ricevo deviganta kontrolan resendon, ktp.) Per tre simpla „ŝlosilo“ (ses diskoj kun po 10 ciferoj) oni povas praktike nepre sekretigi iun transsendon. Nun S-ro Edouard Belin pristudas aparaton (teletipo), kiu ebligos transsendi (kaj ricevi) 300.000 vortojn en unu horo! La 7 junio 1923 ĉe la scienca jubileo de S-ro Branly en „Trocadéro“, S-ro Edouard Belin faris publikan eksperimentadon de televidado...

*Nunaj praktikaj aplikoj.* — Depost kelkaj tagoj la telaŭtografo estas uzebla de l' publiko inter Paris kaj Lyon kaj inter Paris kaj Strasbourg kaj reciproke. Post trijara provado tiu sistemo estos iom post iom plivastigata. En Franclando la ĵurnalo „Le Matin“ akiris la monopolon de l' transsendo de fotografaĵoj per la „belinógrafo“. Same en Usono la ĵurnalo „The World“.

La 4 junio 1923, tuj post transsendo de la du jenaj telaŭtogramoj en Esperanto, ĉina esperantisto, S-ro Kenn, nun en Lyon, korespondis en ĉina lingvo penike skribita per ĉinaj literoj kun alia Ĉino en Paris; kelkajn minutojn poste alia esperantisto, S-ro Maurin, en Lyon, interŝanĝis kun Paris'ano telaŭtogramojn per stenografio Duployé (la spacŝparo estas tia, ke stenografia telaŭtogramo kostas multe pli malkare ol ordinara telegramo). Oni do povas uzi per telaŭtografo iun ajn lingvon per eĉ plej strangaj literoj, kiel aspektas kelkaj sur paĝoj 21—24 de l' 1923-Jarlibro de UEA; la telegrafoficistoj ne bezonas koni la uzatan lingvon, kaj la telegrafadministracioj ne postulos duoblan takson pri tiel nomitaj „sekretaj lingvoj“. Kompreneble matematikaj formuloj eĉ plej komplikaj estas tre facile telaŭtografeblaj, dum ili ne estas telegrafeblaj.

La eminenta direktoro de la Lyon'a polica laboratorio, S-ro D-ro Locard, honora membro de la Grupo Esperantista de Lyon, ricevis per telaŭtografo fotografaĵojn de karakterizaj fingraj signoj de krimuloj.

Same oni povas transsendi desegnaĵojn, skemojn, planojn. Sed la ĉefa utilo estas la transsendo de aŭtografoj kaj subskriboj: tio naskos kvazaŭan revolucion en la administraj, komercaj kaj bankaj kutimoj.

Antaŭ nelonge alia honora membro de la Grupo Lyon, S-ro Louis Lumière (vidu la martan numeron de „Esperanto“) korespondis per telaŭtogramoj duone france kaj duone esperante kun S-ro Sébert, kaj tiu fakto naskis plurajn artikolojn en la franca gazetaro.

Certe la telaŭtografo de S-ro Edouard Belin (kiu interesiĝas pri nia movado) utilos al Esperanto. Mi dezirus, ke danke Esperanto utilu al telaŭtografo: se tradukoj aŭ eĉ resumoj de tiu iom konciza noto povus aperi en nacilingvaj gazetoj, mi ilin plezure transsendus al S-ro Edouard Belin. Interesuloj trovos teknikajn detalojn kaj bildojn en la francaj revuoj „le Génie Civil“ (21 aprilo 1923) kaj „l' Illustration“ (26 majo 1923); al ili mi povos havigi por represado specimenojn de telaŭtogramoj.

*L. Poncet.*

---

*Nur estas unu feliĉo:*
*La devo,*

*Nur unu konsolo:*
*La laboro,*

*Nur unu ĝuo:*
*La belo.*

Carmen Sylva.

* * *

*Estas nenio alia ol la agado por certa celo,*
*kio igas la vivon elportebla.*

Schiller.

 SOCIA VIVO 

# La mistera Vajangludo.

(Letero el Java.)

Kio estas Vajang?

Vajang estas pupo, tranĉita el ledo, montranta homan figuron, kaj ĉio kio apartenas al ĝia vestaĵo, ĝia ornamaĵo, eĉ ĝia buŝo, okulo kaj fingroj estas eltranĉitaj. La diversaj partoj estas koloritaj kaj orumitaj. Ĝi estas kunfiksita al korna tenilo, inter kies du mallarĝetaj laŭgrade en pintoj finitaj splititaj partoj ĝi estas kaptita, kiuj donas al ĝi malplian fleksemon. Estas kelkaj centoj da diversaj vajangpupoj en vajangludo, sed nur kelkaj estas ĉiufoje bezonataj en ĉiu vajangrakonto. Vajang ne estas nur la nomo de pupoj, ĝi estas ankaŭ la nomo de rakontoj entute, kiu formas la javanan eposon, rakontanta pri la prahistoriaj regnoj, iliaj reĝoj, herooj, popoloj ktp. Tiuj rakontoj donas la historion de la fruaj tempoj de Java ĝis la historiaj javanaj regnoj.

Laŭ la holandaj filologoj, kiuj studis la javanan lingvon kaj tiujn rakontojn, la vajangrakontoj estas imitaĵoj de la hindaj „Mahabarata" kaj „Ramajana", prezentataj al la javana popolo per tiuj pupoj, sed laŭ la tradicio la nomitaj regnoj ekzistis en Java, kaj diversaj ruinoj pruvis la veron. La holandaj lertuloj neniam komprenis la sekreton de la vajangrakontoj.

En la malnova tempo la religio de javanoj estis la hinda Tiam Islamo estis predikata en Java de Raden Patah; tiu religio pli kaj pli disvastiĝis kaj, akirinte grandan nombron da anoj, ĝi ekmalamikiĝis al la malnova religio, ekkomencis ĝin kontraŭbatali kaj devigis la anojn de la lasta, islamiĝi aŭ morti. Do la sorto de la hinda religio estas klara, ĝi devos malaperi kaj estos anstataŭata per Islamo.

Tion komprenis la granda lerta klerulo hinda Sunan Kaliĝoga kaj por savi sian religion je tia nemeritita subiro, li meditis la veran rimedon kontraŭstari tion. Li opiniis, ke li nur povus savi la maljunan religion, kiam li povus enverŝi ĝian doktrinon en la puran virgan koron de junuloj.

Kiel tion fari?

La plej bone estas, li pensis, ke li mem fariĝu islamano, poste sensuspekte envolvigu la doktrinon de la hinda religio en rakontoj montrataj al la popolo per pupoj, kiuj reprezentas la heroojn de antikva Hindio, transigintaj al Java. Nuntempe la javanoj al vi montros la ruinojn de la ĉefurbo de tiuj regnoj, interalie sur la monto Dijòng (eble nur hinda monakejo) kiu iam apartenis al la Pandava'j.

La malfacileco estis, ke Islamo malpermesis fari homajn bildojn, sed por eviti tion, Sunan Kaliĝoga faris kelkajn homsimilajn pupojn, kiujn li sendis al Mekka, por aŭdi la opinion de la Imam' ul Islam', la ĉefo de islama eklezio, ĉu tiuj pupoj eble estus bildoj homaj. La decido el Mekka estis, ke tiuj pupoj ne similas al homaj bildoj. Tiam la lertulo estis libera ellabori siajn ideojn. Li skribis siajn rakontojn kaj laŭ tiuj li projektis siajn pupojn. Sed por montrigi tiujn li bezonis muzikon, pro tio kiel eltrovinto de la javanaj muzikiloj estas nomata ankaŭ Sunan Kaliĝoga, kiu nuntempe estas rigardata kiel plej granda kaj plej lerta „Wali" (predikinto) de Islamo sur javana insulo.

La vajangrakontoj ne nur interesas la junularon pro ilia beleco kaj gajeco, ĉar ili rakontas la antikvan javanan historion kun ĝiaj potencaj herooj, sed ankaŭ la maljunulojn, ĉar ili rakontas pri la bataloj de la potencaj herooj kun superhomaj povoj kaj fortoj, uzintaj armilojn, donitajn de la Guru'j (instruantoj) kiuj posedis diajn potencojn. La fraŭloj admiris tiujn grandajn potencajn heroojn, raviĝas je la heroaĵoj kaj revas pri la vojo por akiri tiajn povojn, dum la maljunuloj meditas pri la doktrinoj donitaj en la rakontoj por ilin sekvi kaj efektivigi en la kutima vivo.

Tiu vajangludo estas montrata okaze de diversaj festoj kaj pro tiuj vajangrakontoj estas vero, ke la javanoj ĝis nun ne estas veraj islamanoj, kaj teniĝadas al la antikvaj doktrinoj de la hinduismo, kiujn ili ne kuraĝas forĵeti.

Kiam ni ĉeestas vajangludon, ni unue vidas grandan blankan velon, vertikale elstreĉitan. Antaŭ ĝia piedo estas horizontale metataj du trunkoj de bananarboj. Ambaŭflanke de la velo estas aranĝataj la vajangpupoj, kies pintaj teniloj estas enpikitaj en la molaj banantrunkoj. Antaŭflanke la mezo de la velo, ne okupita de la pupoj, sidas la rakontanto, kiu deklamas la rakonton, dum li farigas de la pupoj la diversajn agojn laŭ sia rakonto, ĝuste kiel nia arlakenludo montrata sur la stratoj. Super la rakontanto brilas la lampo kaj malantaŭ li estas aranĝataj la diversaj muzikiloj, formantaj la javanan „gamelon". Per malgranda speco de martelo li donas signon al la muzikantaro por ludi aŭ ĉesi la muzikon, laŭ la rakonto.

Kiam ni tralegas la diversajn rakontojn, kion ni rimarkas? Ke tiuj rilatas la bataladon de kvin potencaj personoj kun cent aliaj, inter kiuj ankaŭ troviĝas potenculoj. La unuaj kvin estas nomataj Pandava'j kaj la cent aliaj Kurava'j. Tiuj personoj serĉadas la regecon kaj la militoj finiĝas kun la granda batalo nomata Bonta Juda en kiu ĉiuj Kurava'j estas mortigataj.

La Pandava'j nomiĝas: Judistira, reĝo de la regno Ngamarta, kaj liaj fratoj Valkudara, Arĝuna, Nakula kaj Sudova.

La eminentuloj de la Kurava'j nomiĝas: Sujudana, reĝo de la regno Ngastina, liaj fratoj Dursasana kaj Bibisana, kaj lia filo Doraĝid, la aliajn el la cent fratoj ne estas necese nomi.

La kvin Pandava'j simbolas la kvin sencojn. Valkudara, la dua frato, granda, forta kaj kolerema persono, simbolas la aŭdon. Arĝuna, la tria, tre gracia, belega, delikata, nobla, simbolas la vidon. Li estas la Don Juan, la voluptulo, amindumulo, la virinkorrabisto. Nakula kaj Sudewa, malgrandaj personoj, la kvara kaj kvina, simbolas respektive la flaron kaj la ĝuston, dunaskitoj, kiuj neniam bataladas, ĉar tiuj du sencoj neniam iĝas kaŭzoj de batalo aŭ disputo. Judistira, la reĝo, la plej aĝa frato, simbolas la pensojn, la racion, kiuj estras la aliajn, poste la granda fratmilito, nomita Bronta Juda, signifante Juda: batalo, kaj Bronta: emocioj. Kiel Guru la Pandava'j havas Krishna, kiu simbolas la konsciencon, kiu konsilas al la racio tion, kion ĝi devas fari, tial Krishna estas la konsilanto de la Pandava'j. La tuta eposo montras la senlacan batalon de homo kontraŭ siaj pensoj kaj emocioj por atingi la superecon, la perfektecon.

La bataloj de tiuj ĉi du potencaj partioj formas la eksteran spektaklon de la vajangludo, kiu estas montrata al la publiko kaj kiu amuzas, mirigas kaj ĝojigas la junulojn kaj maljunulojn dum la tuta nokto; la vajangludo daŭras de la sepa vespere ĝis la tagiĝo.

Escepte tiu ekstera spektaklo, la vajangrakontoj enhavas profundan doktrinon, kiu ne estas skribita, sed nur flustrata de unu al la alia, tial nur kelkaj personoj ĝin scias entute. Bezonas longan tempon por akiri tiun ĉi doktrinon, ĉar la javanoj ĝin sekrete kaŝas al fremdaj oreloj, kaj nur ĝin donas al iu, kiun ili konfidas.

Ni volas peni por klarigi tiun ĉi doktrinon, tiel bone kiel ni povas, ĉar ankaŭ ni ne ĝin scias entute.

Kiam ĉio estas aranĝata dum la tago por la vajangludo, oni atendas la vesperon, ĝis mallumo. Kiam tiu momento ekvenas, proksimume la sesa kaj duono, oni ekbrulas la lampon. La brulanta lampo simbolas la aperon de la Logos (la Dio)

en la eterna mallumo por elmontriĝi kaj krei sian mondon. La unua, kion oni vidas post la ekbruligo de la lampo, estas la granda velo, simbolanta la mondon. Poste oni rimarkas la pupojn, kiuj simboligas la homojn, fine la rakontanton sidantan antaŭ la velo, kiu simboligas la mondsorton (Karma), la Leĝon de Efiko kaj Kaŭzo, kiu estras kaj kondukas la sorton de la mondo kaj de la homoj.

Muziko ekludas, la rakontanto ekkantas la enkondukan kanton, la ludo komenciĝas. Poste li donas la signon per sia marteleto, batanta la grandan keston apud sia maldekstra flanko — la keston por enmeti la pupojn — al la muzikistoj por ĉesi kaj li ekrakontas.

Ĉiu rakonto enhavas parteton de la doktrino religia kaj por almontri tion ni volas koncize rakonti du bonkonatajn rakontojn kiuj montras la sekretan instruon.

### La duobla Hanoman.

La malamikoj de la reĝo de la Pendava'j lin atakis. Ambaŭflanke oni batalis kun vera kuraĝo kaj kun alterna feliĉo. La malamikoj ne cedis kaj la Pandava'j estis senkonsile solaj. Krishna, la saĝa, ilia konsilanto, venis kaj konsilis sendi iun por depreni Hanoman, la potencan simihomon, kiu estis la protektanto de Pandava'j jam de l' estinteco, vivante kiel asketo dum miloj da jaroj sur la monto. Ĉar la sendito ne povis lin elveki, li transportis lin al Ngamarta, la regno de Pandava'j. Li portis lin antaŭ la kunsido de Pandava'j kun Krishna kaj tiu ĉi ordonis alporti lin al la batalkampo minacinvitante la malamikon.

Nun la spektaklo ŝanĝiĝis, la daŭrigo de la unua rakonto ĉesas. Oni vidas du Hanoman'ojn starante unu antaŭ la alia, kiuj disputas pri la respondo je la demando, kiu estas la plej aĝa, la unue naskita kaj la estro. Ne povante decidi pri tiu afero, ili ekbatalas, unu venkas, la venkinto eniras en la alian, la duo fariĝas unuo.

Tiu ĉi sceno okazas post la meznokto, proksimume je la dua kaj enhavas la doktrininstruon, ĉar kion signifas tiuj du Hanoman'oj?

Ne alie ol la korpo kaj la animo de la homo. Kiam la sendito de Pandava'j venis ĉe Hanoman, li ne povis elveki lin, ĉar per senĉesa asketeco kaj forta meditado la animo eliris el la korpo. Tiam la sendito penis elveki lin, la korpo rifuzis akcepti la animon. Post la batalo tio okazis. Al la publiko la verkinto volis instrui, ke homo posedas korpon kaj animon.

Nun la rakonto progresas. Hanoman vekiĝis, antaŭeniris al la malamikoj, kontraŭbatalis ilin, mortigis ilin, forkurigis ilin kaj triumfis.

### La rakonto de Deva Ruci.

Valkudara, tiam ankoraŭ en sia fraŭleco volis trovi la floron de la vivo kaj povo. Li konsiliĝis de la granda Guru el la Kurava'j Dursasana, kiu havis dian scion kaj potencon. Tiu ĉi, sciante, ke en la estonteco la Pandava'j estras la Kurava'jn, intencis trompi lin, eble li mortiĝos. Li diris al Valkudara, se li nepre intencas serĉi la floron de la vivo kaj povo, ke li sin ĵetu en la maron kaj naĝu al la mezo de ĝi, ĉar tie estas insulo, kie kreskas la floro.

Valkudara sekvis la erarkonsilon de la Guru, iris al la maro, sin ĵetis en ĝin kaj naĝis al la mezo de la maro. Sed kiam li alvenis tien, nenia insulo ekzistis. Li komprenis, ke li estas trompita, kaj sentante, ke li ne havis plu forton por retranaĝi, li sciis, ke estis la lasta momento de lia vivo. Li ekhaltis, sindonis al sia sorto kaj subakviĝis. Sed kiel granda estis lia miro, kiam li ekrimarkis, ke li estis en senakva spaco. Poste venis malgranda viro al li — tiu ĉi estas Deva Ruci — kiu lin demandis, kio estis lia celo. Valkudara rakontis al li, kion Dursasana al li konsilis. La malgranda viro al li: „Se vi nepre volas serĉi tiun floron, vi eniru en mian korpon". „Kiel estas eble", demandis Valkudara, „ĉar vi estas malgranda kaj mi estas grandega?" „Eniru tra mia orelo", diris la viro. Valkudara obeis kaj eniris la korpon de la malgranda viro tra la orelo. „Mi vidas", ekkriis Valkudara, „la sunon, la lunon, la stelojn, la tutan mondon!" „Bone", respondis la malgranda viro, „nun vi trovis la sekreton de la floro de l' vivo kaj povo. Eliru kaj retranaĝu al la bordo kaj marŝu hejmen."

Kio estas la doktrinlerno de tiu ĉi rakonto?

La eniro de Valkudara en la korpon de malgranda viro, kiu estas Deva (dieco) okazis nur kun lia animo kaj tio signifas, kiam iu povas retiri sian penson en la koro per meditado pacienca, kiu estas la stato nomata de hindoj Samadhi (tranco), li povas vidi ĉion kaj scias ĉion, kio ne estas videbla per la fizika okulo kaj ne sciebla por la homa racio. Tio estas la stato de spirite lumigita homo kiel Buddha trovinta la floron de la vivo kaj povo. Li fariĝis homo perfekta.

Tiamaniere la granda Vali Sunan Kaliĝoga penis instrui al la javanoj la lecionojn de la doktrino de la religio hinda.

Kiel mi jam diris, la rakontoj de la Vajang formas la javanan eposon. Ili formas sinsekvantajn rakontojn de la plej frua tempo ĝis la historia. La studo de tiu Vajang estas inda je la penado.

*P. W. Van den Broek.*
*Grisee (Java).*

---

*Grava punkto de la saĝeco de l' vivo konsistas en la ĝusta proporcio, en kiu ni dediĉas nian atenton parte al la estanteco parte al la estonteco, por ke ne unu detruu al ni la alian. Multaj vivas tro en la estanteco: la facilanimuloj; aliaj tro en la estonteco: la timemuloj kaj zorgemuloj.*

*Malofte iu atingos precize la bonan mezon.*

Schopenhauer.

* * *

*Takto estas la plej alta floro de eduko*
*akirita iom post iom.*
*Bonkoreco kaj modesteco ne bezonas klopodi*
*por atingi tiun gradon de eduko.*
*Takto estas la prudento de l' koro.*

Gutzkow.

---

**La venonta numero de**

**„ESPERANTO"**

**aperos je la fino de aŭgusto aŭ komenco de septembro kaj enhavas plenan raporton pri la XV^a Kongreso.**

 LITERATURO 

## Papilio.

*Estas mi — papili'*
*gajflirtanta en aero,*
*dancas mi, ĝojas mi*
*tutan tempon dum somero.*
*De la sun' ĝis la lun'*
*kun korjun'*
*flugas mi;*
*de la ter' de mizer'*
*al liber'*
*celas mi.*

*Kantas mi, gaja tril'*
*flugas ĉie kun sincero,*
*brilas mi per flugil',*
*vokas ĉiujn al etero.*
*Firmament', dolĉa sent',*
*sorĉa tent'*
*regas min.*
*Sunradi'! Harmoni'!..*
*Dancas mi*
*en senfin'.*

☆

*Mi estas filo*
*de suna brilo,*
*kaj per flugilo*
*koketas mi.*
*Senzorge spiras,*
*naturon miras,*
*mi kantas — liras,*
*sonetas mi.*

*Aromojn glutas,*
*petolojn ŝutas,*
*ampersekutas*
*kuninon mi.*
*Ho, ŝi rifuzas,*
*min korkontuzas,*
*sed ne ĵaluzas*
*belinon mi.*

☆

*Tie, ĉie*
*helradie*
*suno ridas jen;*
*brile — trile*
*mi facile*
*flugas tra seren'!*

☆

*Mi estas papilio*
*kun varianta koro,*
*ne scias pri envio*
*kaj pri koler-memoro.*
*Mi flirtas, gajas, ridas,*
*nuancas per koloro*
*kaj vivi ĝu-rapidas*
*dum regas suna horo.*

El „Du Poemoj“ *E. Miĥalski.*

## TRA LA LIBRARO.

**La sola savrimedo.** *Biblioteko de Teristo N-ro 1.* Moskvo (Ruslando) p. k. 663, Stanislav Szabuniewicz. 8 paĝoj, 13×17½ cm. Prezo ne montrita.

Tiu traktaĵo klarigas tion, kio estas terismo, nova skolo, kiu pensas solvi la socian problemon igante la teron, la grundon, nenies propraĵo. Impostoj estos anstataŭataj per la konstanta plivaloriĝo de l' tero, kiu apartenos al komunumo aŭ ŝtato. El tiuj du postuloj devenas sinsekvaj reformoj, kiuj fine plene ŝanĝos nian socian organizon: „La liberigo de la tero estas nuntempe la plej grava tasko, pli grava kaj vasta, ol siatempe la liberigo de sklavoj kaj servutuloj.“

Tre interesa teorio, tre pripensiga; eble iom unuflanka, ĉar speciale aplikebla en kampkulturaj landoj. Ĝin studu ĉiuj okupiĝantoj pri socia problemo. Ĝi ankaŭ estas bone verkita. Nur kelkaj neologismoj, kiel „perturbo“ (malordo) „incendio“ (brulado) „revolti“ (ribeli) estas eble ne necesaj. Ankaŭ la vorto „rento“, jam signifanta la profiton de prunto, ne bone taŭgas por tiu plivaloriĝo de l' tero, kies senpropraĵigo estas bazo de terismo.

**Urbo de la Estonto.** La ideo de Howard. *Biblioteko de Teristo N-ro 2.* Moskvo (Ruslando) p. k. 663 Stanislav Szabuniewicz. 16 paĝoj, 13×17 cm. Prezo $^{1}/_{12}$ de abonprezo al Teristo.

Ankaŭ interesa studo pri la senhomiĝo de l' kamparo, pri la senĉesa danĝera kreskado de l' urboj, pri ties veraj aŭ falsaj allogaĵoj, pri plano kaj konstruado de modelaj morgaŭaj urboj t. e. ĝardenurboj kaj iliaj grandaj avantaĝoj kompare kun la nunaj, fine pri la gravaj ekonomiaj progresoj riceveblaj de tiuj entreprenoj; 4 skizoj plihelpas la komprenon de tiu utila ekrigardo en la estontecon.

**Taglibro de Vilaĝ-pedelo.** *St. St. Blicher.* Tradukis *H. J. Bulthuis,* L. K. Rekomendita de E. L. A. 1922. Butin & Jung, Godesberg, Germanlando. 48 paĝoj, 12×18 cm. Prezo, kun sendkosto: 480 germ. markoj (por mezbonvalutuloj: 780 M, por bonvalutuloj: 960 M.)

Unu ŝatinda profito de Esperanto estas konigi fremdlande la valorajn verkojn de ĉiuj nacioj. Tiu valoro ne dependas de la amplekso. Kiam la antaŭparolo de l' „Taglibro“ anoncas, ke kvardekpaĝa libreto enhavas plenan romanon de tuta homa vivo, oni iom dubas; sed leginte, oni konfesas, ke en ĝia formo de mallongaj datumitaj tagposttagaj pripensoj, tuta karaktero kaj multaj travivaĵoj aperas, kiel tutan portreton povas respeguli malgranda miniaturo.

La verketo de l' dana aŭtoro estis inda je traduko pro sia originaleco kaj ĝi estas valora pliriĉigo de nia kolekto de ĉiulandaj literaturaĵoj. Samideanoj kiuj ŝatas bonajn, karakterajn beletraĵojn devas ĝin legi.

**Dekdu.** Poemo pri la rusa revolucio. *Aleksandro Blok.* Tradukis *N. V. Nekrasov.* „La Nova Epoko“, 1a Tverskaja-Jamskaja, 35, kv. 5. Moskvo (Rusio). 1922. 30 paĝoj, 12×15 cm. Prezo: 2 respondkuponoj.

Portreto de la aŭtoro, fama rusa verkisto mortinta en 1921, ornamas la libreton. Ĝi enhavas tradukon de poemo, verkita dum revolucia tempo kaj skizanta ties aspektojn; la vento blovas, neĝo falas, ruĝa flago flirtas, soldata bando vagas, pafiloj pafas, buŝoj eligas ribelan kanton. Kelkaj frazoj ne estas tute klaraj, sed la dekduparta poemo strange impresas kaj ĝia esperantigo estas tre lerta; la mallongaj versaroj similas kelkstrian desegnaĵon, kiu elvekas ĉe l' observanto tutan aron da bildoj kaj pensoj. „Dekdu“ estas inter niaj atentindaj poezikolektetoj. *G. S.*

## Novaj libroj.

*Noto:* La esperantaj libroj plimultiĝas. Tiu fakto estas ĝojiga; sed la loko, kiun okupas en nia gazeto recenzoj pri ĉiu publikigaĵo, fariĝas tro ampleksa. Tial, post presigo de kelkaj jam kompostitaj aŭ verkitaj artikoletoj, aperos sub la titolo „*Novaj libroj*" nur pure bibliografiaj noticoj utilaj, kiel montroj de nia lingva vivo, kiel informoj por aĉetantoj kaj kiel ricevatestoj de l' ekzempleroj senditaj al la redaktejo. Kompense, en rubriko „Tra la libraroj" aperos de tempo al tempo recenzaj artikoloj, kie nur vere atendindaj verkoj estos studataj.

---

**Kontraŭ Instruado pri Malamo.** Oficiala raporto de la franca sekcio de Edukistara Internacio. 4 paĝa folio, 22×50 cm. *Edukistara Internacio.* 1 paĝo samampleksa (ĉe Marcel Boubou, 96 rue Marceau, Orleans, Francio).

**La demando pri la plibonigo de la Muzikskribo kaj ĝia solvo per la Aŭtonoma Muziknotado.** *L. Cogen*, Vicprezidanto de la Belga Ligo Esperantista 1922. Presejo de Belga Esperantisto, 45 Kleine Beerstraat, Antwerpen. 8 paĝoj, 14½×22½ cm. Prezo: 0,50 fr. (2 respondkuponoj).

**La Unismo.** Unuiga Nacia Internacia Socia Movado). Nova plano de kunhelpa rekonstruado politika kaj industria. Havebla ĉe S-ro Colin Unwin, Leterkesto 47, Fremantle, Okcidenta Aŭstralio. 12 paĝoj, 11½×19 cm. Senpaga.

**Lumo sur la Vojon kaj Karmo.** Transdonis *Mabel Collins*, tradukis *O. Collyn*. Espero Teozofia, organo de Teozofia Esperanta Ligo, Krakovská 17, Praha, 1922. 32 paĝoj, 11½×15 cm. Prezo ne montrita.

**Esperanto in Twelve Lessons,** by *Stella*, London, British Esperanto Association, 17 Hart Street W. C. 1. 1922. 52 paĝoj 12×18 cm. Prezo ne montrita.

**Vollständiger Lehrgang der Internationalen Hilfssprache Esperanto** von *Jul. Glück* und Dr. *Edmund Sós*. Für Kurse und Selbstunterricht. 11—20 miloj. Wien. Verlag Paul Knepler, 1 Lichtensteg No. 1. 112 paĝoj, 14×20½ cm. Prezo ne montrita.

**O Esperanto,** como lingua auxiliar, comum a todos os povos. *Parecer* submetido ao Consèlho Director pelo Dr. *Aarão Reis*, Professor da Escóla Politécnica da Universidade do Rio de Janeiro. (Esperanto kiel helpa lingvo komuna por ĉiuj popoloj. Raporto prezentita al la Direkta Konsilantaro). 32 paĝoj, 12½×18½ cm.

**O Esperanto,** come lingua international per *Antonio Carlos de Aruda Beltrão*, engenheiro civil. 18 paĝoj, 15½×22 cm.

**Universala Legolibro.** Modelaj tradukaĵoj el la tutmonda literaturo kaj originalaĵoj Esperantaj. *Wilhelm Fricke.* Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel, Berlin. 1922. 176 paĝoj, 12½×19 cm. Prezo: 40 M germ. (por mezvalutaj landoj 64 M, por altvalutaj 80 M.)

**Sennacieca Asocio Tutmonda, Jarlibro 1922.** S. A. T. 23 rue Boyer, Paris XXe. 104 paĝoj, 12×17 cm + geografia karto. Prezo ne montrita.

**Esperanta Radikaro** (Oficialaj radikoj) **kun Portugala traduko** de *A. Couto Fernandes.* 1922. Eldonejo „O Norte", albuçuerque, Neves & Ko, Rio de Janeiro, Brazilio. 82 paĝoj, 9×13 cm. Prezo: 2,500 dolaroj.

**Grammatica elementar de Esperanto.** *A. Couto Fernandes* e *H. Motta Mendes.* Rio de Janeiro, Brazilio. 40 paĝoj, 11×16 cm. Prezo: 1,500 dolaroj aŭ 1 sv. franko.

**Cours élémentaire d' Esperanto.** Fédération esperantiste révolutionnaire, Bourse du Travail, Troyes (Aube), Franc. 36 paĝoj, 12×19 cm. Prezo: 0,25 fr. fr.

**Kio estas la Biblio?** Pastro *H. Lenk*, Herrnhut. Esperantigis *H. Lenk*, Bad Ems. Eldonejo Paul Hübner, Bergstrasse 1a, Quedlinburg, Germanujo. 52 paĝoj, 11×16 cm. Prezo ne montrita.

**Milionoj, kiuj nun vivas, neniam mortos.** *J. F. Rutheford.* Bible Students Association, Brooklin, New-York, U. S. A. 80 paĝoj, 12×17½ cm. Prezo 25 cendoj aŭ 1 sv. fr.

**Vogtlando.** *Gvidlibro okaze de Dekkvina 1923 en Nürnberg.* Kunmetita de *Albrecht Naumann.* 1922. Eldonejo „Esperanto", Auerbach i. V. 24 paĝoj, 15½×23 cm.

**La Ekonomiaj Fortoj en Finnlando.** Esperanta publikaĵo N-ro 1 de Finnlanda Foiro. Verkis *Leon Ekstrand* kaj *Martti Kovero.* 32 paĝoj, 14½×20 cm.

**Malpermesa leĝo en Finnlando.** *H. Salokannel.* 8 paĝoj, 14×22 cm. Prezo: 1 Fmk.

**Miskolcz** kaj ĝia ĉirkaŭaĵo, okaze de la IVa Hungarlanda Esperanto-Kongreso. Kunmetis *Ludoviko König.* Miskolcz. 1922. 44 paĝoj, 15×23 cm. Prezo: 120 hung. Kronoj.

**Morgaŭ matene.** Dramo en tri aktoj kun antaŭparolo de *Frederiko Karinthy.* El la Hungara tradukis *K. de Kalocsay.* Eldono de Hungara Esperanto Instituto, Budapest, VI, Eötvös-u. 3. 138 paĝoj, 12×16 cm. Prezo: 1 sv. fr.

*Goethe,* **Faŭsto I.** Esperanta traduko de *N. Barthelmess*, kun portreto de Goethe kaj antaŭparolo de S-ino Marie Hankel. Eldona kooperativo, fako de Sennacieca Asocio Tutmonda. Düsseldorf. 153 paĝoj, 11½×17 cm. Prezo: 3500 M (+ 60% aŭ 100%).

**Ni legu.** Internacia Legolibro. 40 rakontoj, poemoj kaj humoraĵoj el 15 diversaj lingvoj, korektitaj kaj aranĝitaj de *Brunulo.* Rekomendita de E. L. A. Sennacieca Asocio Tutmonda, 23 Rue Boyer, Paris 20e. 102 paĝoj, 13×19 cm. Prezo: 3 fr. fr.

**Historio de la lingvo Esperanto.** Deveno kaj komenco, 1887—1900. *Edmond Privat*, 2a eldono. Ferdinand Hirt & Sohn, Leipzig, Esperanto-Fako. 1923. 74 paĝoj, 13×19 cm. Prezo: 1,50 sv. fr.

**Ekzercaro** eltirita el Fundamento de Esperanto. *L. L. Zamenhof.* Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel, Berlin kaj Dresden. 1923. 32 paĝoj, 11×16 cm. Prezo: 0,30 sv. fr.

**La Geografia Koncepto Regiono.** D-ro *Omberto Toschi*, A. Paolet, S. Vito al Tagliamento. 1923. 14 paĝoj, 10½×15 cm. Prezo: 1 L.

**El la lando de Ruinoj.** *Antoni Wyslouch.* Tradukis Salo Grenkamp-Kornfeld. Unua parto. Sudgermana Esperanto-Eldonejo Oskar Ziegler, Deisenhofen bei München. 18 paĝoj, 11×14 cm.

**Esperanto-Hrvatski-Srpski-Rječnik.** *Niko Bubalo.* (Esperanto-Kroata-Serba-Vortaro). Zagreb. Reĝa landa presejo. 1923. 148 paĝoj, 11×14½ cm.

**La Oficiala Radikaro** kun enkonduko kaj notoj. *Eugen Wüster.* Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel, Berlin kaj Dresden. 1923. 70 paĝoj, 10½×16 cm. Prezo: 0,90 sv. fr.

**Ĉu vi parolas Esperante?** Interparoloj Esperanto-Polaj pri la praktika vivo. D-ro *Emil Pfeffer.* Biblioteko Universala de Wilhelm Zukerkandel, Zloczow, Polujo. 48 paĝoj, 10×15 cm. Prezo: 1600 p. m.

**Natan la Saĝulo.** Gotth. Ephr. *Lessing.* Drameca poemo en kvin aktoj. Tradukita el la germana lingvo de *Karl Minor*, L. K. Nova Esperanto-Biblioteko N-ro 9. Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel, Berlin kaj Dresden. 1923. 208 paĝoj, 11×16 cm. Prezo: 2,40 sv. fr.

 ESPERANTISMO 

# XVª Universala Kongreso de Esperanto en Nürnberg.

## 6ª Cirkulero.

1. **Aliĝoj.** Ĝis mezo de junio sin enskribigis 3700 kongresanoj el jenaj 41 ŝtatoj kaj landoj: Anglio (Skotlando, Irlando), Aŭstrio, Belgio, Bulgario, Ĉeĥoslovakio, Danio, Danzig, Estonio, Finnlando, Francio, Germanio, Hispanio (Katalunio), Hungario, Italio, Jugoslavio, Litovio, Latvio, Nederlando, Norvegio, Polio, Rumanio, Ruslando, Svedio, Svislando, Turkio, Ukrajnio; Usono, Egiptio, Argentino, Armenio, Aŭstralio, Ĉinio, Japanio, Javo. Kanadio, Meksikio, Sudafriko. — Ĝojiga estas la ĉiutage kreskanta nombro de eksterlandanoj. Jen fakto, kiu pruvas nepran internaciecon de la XVª.

2. **Vizo de restadpermeso.** Ni petas la kongresanojn senprokraste havigi al si, ĉe la eksterlandaj reprezentantoj de Germanio, la germanan vizon por sia pasporto.

La envojaĝpermeso por Germanio ne valoras ankaŭ por Bavario. Speciala restadpermeso por Bavario estas donata de la polica estraro en Nürnberg kontraŭ pago de imposto, kiu estas proksimume kvarono de la oficiala takso: Por angloj 5 Sh., por aŭstroj 1000 Kr., por belgoj 20 Fr., por danoj 4 Kr., por ĉeĥoslovakoj 25 Kr., por finnlandanoj 15 f. Mk., por francoj 20 Frs., por hispanoj 26 Pes., por holandanoj 3 h. Fl., por hungaroj 100 Kr., por italoj 10 L., por norvegoj 4 Kr., por poloj 3000 g. Mk., por rusoj 3000 g. Mk., por svedoj 4 Kr., por svisoj 6 s. Fr., por usonanoj 1 $. La restadpermeso en Bavario por kongresanoj valoras tri semajnojn inter 19. julio kaj 23. aŭgusto laŭ deziro.

La Nürnberga polica estraro petis la germanan ministerion por ekstero en Berlin, instrukcii la eksterlandajn reprezentantojn, vizi la pasporton ankaŭ sen antaŭa restadpermeso de la Nürnberga polico, ĉar la Nürnberga polico donos restadpermeson al ĉiuj kongresanoj, kiuj posedas kiel legitimacion la kongreskarton.

Pro tio la kongresano petu de la eksterlandaj reprezentantoj de Germanio, krom la germana vizo, provizoran envojaĝpermeson al Bavario (germane: *Vorgenehmigung für die Einreise nach Bayern)* montrante kiel legitimacion sian kongreskarton.

Okaze, ke iu reprezentanto eksterlande ne ĝustatempe ricevis rilatan instrukcion el Berlin aŭ ne volas doni la provizoran envojaĝpermeson, la kongresano turnu sin letere aŭ telegrafe (R. P. = respondo pagita) al „Esperanto Nürnberg", por ke la LKK tuj interrilatu kun la Fremdula Oficejo kaj peru senprokraste la envojaĝpermeson.

3. **Provizora programo.** Jen ni publikigas la provizoran programon por la XVª:

*Merkredo, 1. aŭgusto:*

2½: K. K. K. Vespere: Interkonatiĝa vespero kun ĝardenkoncerto kaj Itala Nokto (kongresejo).

*Ĵaŭdo, 2. aŭgusto:*

9—10: Naciaj kunvenoj; 11—1: Solena malfermo. Posttagmeze: Kunsidoj de L. K., J. S. A. (prep. kunsido), blinduloj. 7½: Festreprezentado de „Majstrokantistoj" de R. Wagner (Urba Teatro). Samtempe Kabaredo de Literatura Mondo el Budapest (kongresejo).

*Vendredo, 3. aŭgusto:*

9—11: Iª Laborkunsido; 11—1: Filmo de la Leipziga Foiro. Posttagmeze 3—6: Fakkunsidoj por instruistoj, juristoj, inĝenieroj, kuracistoj, arkitektoj, studentoj, junuloj, poŝtistoj, fervojistoj, laboristoj, virinoj. Vespere: Granda Madrigal-koncerto (kongresejo), samtempe Blindula Koncerto (Majstrokantistejo), pri sporta parolado de Yrio Ojander-Helsinki.

*Sabato, 4. aŭgusto:*

8—10: Katolikaj, protestantaj, hebreaj diversoj. Samtempe fakkunsidoj por framasonoj, liberpensuloj, bahaistoj, monistoj. 10—12: Fakkunsidoj por komercistoj kaj foiroj (Komerca Ĉambro), por I. S. A. (ĉefkunveno), filatelistoj, pacifistoj, vegetarianoj. Posttagmeze 3—7: Kunsidoj de Komitato de UEA, por laboristoj, instruistoj, fakgvidoj por teknikistoj, traurbaj institutoj, vizito de kuracistoj al la najbara Universitato Erlangen. Vespere: Instrumentkoncerto (kongresejo), samtempe Ĉambromuziko de Nürnberga Kvarteto.

*Dimanĉo, 5. aŭgusto:*

Tuttaga ekskurso al la belega mezepoka Rothenburg per specialvagonaro kun muzikistaro. Gvido tra la urbo. Prezentadoj de la Popolteatraĵo „La Majstrotrinko" kaj de la ĉarma rokoka „Paŝtista Ludo". La veturo ĉa. 3-hora. Ĉar la specialvagonaro jam nun pevas esti mendata, iu petas jam nun anoncojn. Ĉiuj elspezoj (kun manĝoj) estas laŭ la nuna stato 20—40.000 g. Mk. Por nepartoprenantoj en la tagekskurso: antaŭtagmeze: „Nathan la Saĝulo" (Urbteatro), posttagmeze: ĝardena koncerto (kongresejo), vespere: Kabaredo de Literatura mondo.

*Lundo, 6. aŭgusto:*

9—10½: Fakkunsidoj por teozofoj, psikistoj, katolikoj, kristanoj, laboristoj, oficistoj, Konkordo, vegetaranoj, militviktimoj. 10½—12½: IIª laborkunsido. Tagmeze: Komuna fotografado. Ĝenerala kongresbankedo (kongresejo). Posttagmeze: Ekskurso al Bestparko, Dutzendteich (dekdu lagetoj), Naturteatro (popoldancoj), danceto en restoracio Schmausenbuck. Komuna reveturo. Vespere: „Nathan la Saĝulo" (Urbteatro), samtempe kant- kaj instrumentkoncerto (kongresejo).

*Mardo, 7. aŭgusto:*

9—11: Fakkunsidoj laŭ bezono. Recitadoj de eminentuloj (kongresejo), gvidoj tra la urbo. Posttagmeze 3—5: IIIª laborkunsido. Vespere: Internacia Kostumbalo (kongresejo).

*Merkredo, 8. aŭgusto:*

9—11: Solena fermo. Ekskursoj al la Franka Svislando, Leipzig, Alpoj (Reĝaj kasteloj). Ĝenerala forvojaĝo.

Senpage viziteblaj estas Interkonatiĝa Vespero, Recitadmatineo, Kostumbalo, filmoj, ĝardenkoncertoj, naturteatro. Por la aliaj festaranĝoj la L. K. K., pro certigo de la buĝedo, devas postuli moderajn enirprezojn.

Proponante ĉi tiun provizoran programon volonte ni akceptas gravajn kontraŭproponojn aŭ noblajn sugestojn konsidereblajn.

4. **Alvojaĝo.** Post kiam la Interkonatiĝa Vespero jam okazas la 1. aŭgusto kaj la solena malfermo la 2. aŭgusto antaŭtagmeze, ni rekomendas al la kongresanoj alveni en Nürnberg ĝustatempe, do la 1. aŭgusto.

5. **Societaj vojaĝoj alkongresaj.** Se almenaŭ 30 personoj vojaĝos kune, ili ricevos rabaton sur la germanaj fervojoj. La karavanestroj interrilatu kun la delegitoj de UEA en la koncerna urbo, de kiu la karavano ekveturos.

La Esperanto-Grupo de Koblenz petas nin atentigi, ke ĝi aranĝas Internacian Rejnan Karavanon al la XVª kaj invitas speciale la kongresanojn el nordaj kaj okcidentaj landoj, ke ili aliĝu. Detalojn vidu E.-T. N-ro 129. Adreso: Esperanto-Grupo, Florinsmarkt 7a, Koblenz, Germanio.

**6. Fervoja tarifo.** La tarifo por la ĉefaj limstacioj troviĝas ĉe la fino.

**7. Fakkunsidoj.** Pluaj fakkunsidoj anoncis:

Sporta Esperanto-Ligo; adr.: Inĝ. Yrio Ojander, 7 Robertink 15, Helsinki, Finnlando.

I. B. S. A. (Internacia Biblio-Studentoj Asocio); adr.: Alfred Egg, Landstrasse 277, Rieden apud Baden, Argau, Svislando

Bahaistoj; adr.: Komerckonsilisto A. Schwarz, Alexanderstr. 3, Stuttgart, Germanio.

**8. Loĝigo.** La hodiaŭaj prezoj por unu lito estas ponokte (inkl. 20 % imposto): En hotelo unuaranga 30.000 g. Mk., duaranga 24.000 g. Mk., triaranga 15.000 g. Mk.; private 6.000 g. Mk., 4.000 g. Mk., 2.500 g. Mk. Komunaj kuŝejoj en urbaj gimnastikejoj je tre moderaj prezoj. La definitivajn prezojn trovos la kongresano sur sia loĝiga karto.

Kiu mendis aliĝile loĝejon, sed poste mem havigis al si loĝejan okazon, bonvolu tuj sciigi ĝin al la LKK por eviti duoblan pagadon. Kiu aliĝis kaj mendis ĉambron, sed estas malhelpata partopreni la kongreson, tiu ankaŭ sciigu nin por ke ni alie disponu pri la ĉambroj.

**9. Konsulejoj en Nürnberg.** Estas jenaj ŝtatoj reprezentataj: Danio, Francio, Meksikio, Nederlando, Norvegio, Aŭstrio, Svedio, Svislando, Ĉeĥoslovakio, Hispanio. Se la kongresano havas specialajn dezirojn li interrilatu kun la rilata konsulo.

**10. Gazetara propagando.** Ni petas la naciajn asocioj kaj ĉiujn samideanojn sciigi nin, kiujn gazetojn en eksterlando ni invitu, kaj kiujn raportontojn esperantistajn ni eventuale rekomendu al la gazetoj.

**11. Korespondado.** La venontaj semajnoj alportas al LKK supozeble alfluegon da leteroj pro loĝigo kaj kongresprogramo. Ni povos respondi nur, se afranko apudas al la demando.

*Loka Kongresa Komitato.*

---

# Ĉu la XVa estos vere internacia kongreso?

Estas bedaŭrinda kaj nekontestebla fakto, ke neniu ĝisnuna universala kongreso suferis je tiel malfavoraj cirkonstancoj kiel la XV a. Malhelpaĵoj kaj malfacilaĵoj, kiajn la pasintan jaron oni eĉ ne sonĝis, ekstariĝis kaj danĝerigis la sukceson. De monatoj plenigas zorgigaj nuboj la politikan horizonton, tiel ke eksterlandanoj nur heziteme kaj reteneme aliĝis; la progresanta plikariĝo en Germanio jam ne tiom allogis la bonvalutulojn, kiom lastjare, kaj malbonvolaj nekontroleblaj famoj pri personaj malagrablaĵoj dum vojaĝo aŭ restado fortimigis multajn. La L. K. K. letere kaj oficiale ja ĉiel klopodis forigi ĉiujn tiujn ĉi timojn kaj dubojn, kaj vere la pesimismo iom post iom malaperis kaj en la listo, kiu montris komence plejparte nur germanojn, paradis pli kaj pli la eksterlando. Poste la malfacila havigo de la necesaj germana kaj bavara vizoj ĉe kelkaj konsulejoj kaŭzis denove konfuzon kaj malentuziasmon. La L.K.K. havis multan penon trankviligi la senpacienculojn kaj glatigi la fruntajn sulketojn. Tamen konstante frapante, ĝi sukcesis rompi la glacion: La eksterlandaj aliĝoj alvenis plimultnombraj kaj superis la lastajn semajnojn eĉ la enlandajn. Fine de aprilo ni jam povis registri la trimilan kongresanon, fine de majo — 8 semajnojn antaŭ la kongreso! — la rekordciferon 3500!

3500 kongresanoj el 40 landoj! Jen la triumfa cifero, kiu devus fierigi ĉiun esperantiston kaj silentigi la lastan pesimiston. Tamen vivetas ŝajne tie kaj tie ĉi ankoraŭ la serpentidaro de la suspekto, dubo kaj malfido. Bone, oni diras, la cifero estas alta, eĉ impona, sed — sed — sed —. Ĉu la Nürnberga kongreso estos vere internacia? Ĉu ĉiuj popoloj partoprenos? Ĉu ĝi ne estos nure aŭ precipe germana kongreso? Ĉu ĝi vere peros la fortajn impresojn, kiajn niaj antaŭaj universalaj kongresoj kaj kiujn oni rajtas postuli alvojaĝonte el malproksima lando? Konsiderante la oftecon kaj principan gravecon de tiuj ĉi demandoj ŝajnas konvena kaj utila, publike kaj detale respondi ilin, pruvante laŭ statistika materialo, kiom maltrafaj, malpravaj kaj malnecesaj estas tiaj timoj.

Ne farante multajn vortojn, ni paroligu simple nian antaŭkongresan ĉefdokumenton, nian *ĝisnunan* kontroleblan de ĉiu Nürnbergan kongresliston kun la *finrezultatoj* de Praha kaj Helsinki laŭ jena tabelo:

| Lando: | Praha: | Helsinki: | Nürnberg 31. V.: |
|---|---|---|---|
| Anglio, Skotlando kaj Irlando | 79 | 86 | 73 |
| Aŭstrio | 84 | 22 | 254 |
| Belgio | 19 | 8 | 10 |
| Bulgario | 32 | 1 | 26 |
| Ĉeĥoslovakio | 1407 | 74 | 266 |
| Danio | 45 | 9 | 13 |
| Danzig | 6 | — | 9 |
| Estonio | 2 | 107 | 37 |
| Finnlando | 14 | 364 | 30 |
| Francio | 92 | 31 | 11 |
| Germanio | 290 | 66 | 2221 |
| Hispanio | 27 | 5 | 38 |
| Hungario | 45 | 12 | 131 |
| Italio | 45 | 32 | 23 |
| Jugoslavio | 27 | 2 | 23 |
| Litovio | 3 | 5 | 31 |
| Latvio | — | 4 | 17 |
| Nederlando | 73 | 26 | 27 |
| Norvegio | 12 | 1 | 1 |
| Polio | 72 | 35 | 142 |
| Rumanio | 11 | 2 | 25 |
| Ruslando | 6 | 7 | 32 |
| Svedio | 111 (!) | 18 | 25 |
| Svislando | 32 | 18 | 15 |
| Turkio | 2 | 1 | 1 |
| Ukrajnio | 5 | — | 2 |
| Ekstereŭropaj landoj: | | | |
| Alĝerio | 1 | 2 | — |
| Usono | 5 | 3 | 6 |
| Egiptio | — | — | 1 |
| Argentino | 4 | — | 3 |
| Armenio | — | — | 1 |
| Aŭstralio | 3 | 3 | 2 |
| Brazilo | 1 | — | — |
| Ĉinio | — | — | 1 |
| Japanio | 5 | 2 | 1 |
| Javo | — | 1 | 1 |
| Kanado | 3 | 1 | — |
| Kubo | 2 | — | — |
| Meksikio | — | — | 1 |
| Sudafriko | 1 | — | 1 |
| Urugvajo | 1 | 4 | — |
| Venezuelo | — | 1 | — |
| | 2567 | 953 | 3500 |

La komparo estas, kiel ĉiu konfesos, konvinkiga kaj interesa laŭ pli ol unu vidpunkto. Antaŭ ĉio ĝi pruvas, ke la Nürnberga kongreso laŭ internacieco tute ne rangas sub la antaŭaj.

Vidu la nombron de la reprezentotaj ŝtatoj kaj landoj: Ĝis nun 40 landoj, do sammultaj kiel en Praha, tri landoj eĉ pli ol en Helsinki. Mankos neniu kultura popolo. Kaj eĉ supozate, ke tiu aŭ tiu ĉi popolo — kion malhelpu la ĉielo! — pro gravaj ne antaŭvideblaj politikaj cirkonstancoj ne povus partopreni: Ĉu la Nürnberga Kongreso pro tio malplimulte meritus la nomon de U. K. ol la kongreso de San Francisko, kiun neniu ano el la mezeŭropaj landoj povis partopreni? Ke la kongreslando mem cifere superas en la kongresanaro, estas memkompreneble. Tio okazis ĝis nun en ĉiu kongreso, kial ne en la vasta Germanio, kiu ne vidis U. K.'on de 1908 kaj enhavas pli da grupoj ol kelkiu alia lando unuopajn esperantistojn — konstato, kiu ja devus ĝojigi ĉiun esperantistan koron. Tamen la nacia kongresanaro proporcie ne estas pli multnombra ĝis nun ol en Praha kaj Helsinki, kie niascie neniu malbonvole kritikis la ĉeĥoslovakan resp. finnlandan plimulton. Plue ni ne forgesu, ke estas ankoraŭ ok semajnoj ĝis la kongreso, ke supozeble aliĝos ankoraŭ multaj eksterlandaj hezitemuloj en la lasta momento, do ke la proporcio certe pliboniĝos de tago al tago favore al la internacieco. Lastfine U. K. estas afero de la tutmonda esperantistaro kaj ĉiam dependos de ĝi mem. Se ĉiu lando ambicios esti reprezentata en Nürnberg, ankaŭ nia XVa estos nepre internacia parlamento, impresiga manifestacio por aŭskultigi la mondo.

*D-ro Richard Ledermann,*
prezidanto de L. K. K.

* * *

**Leginte artikolon en loka Nürnberga gazeto ni konkludas, ke la britaj Esperantistoj estos kore akceptataj en Bavario, sed, pro la lastaj politikaj cirkonstancoj la situacio estas nun tute alia pri belgoj kaj francoj, kiujn rajtos akcepti nek hoteloj nek privatuloj malgraŭ la plej bona volo de la Loka Komitato. En tiuj kondiĉoj ĉiuj francoj kaj belgoj devos nepre rezigni sian partoprenon. Tion ni treege bedaŭras, sed ni ne povas rekomendi, ke ili risku vojaĝon, kiu povas okazigi malagrablaĵojn, kiel okazis al germanoj kaj hungaroj en aŭgusto 1914 en Parizo.**

**La XVIa Kongreso nepre devus okazi en Bruselo aŭ Milano, por kompensi tiun devigan foreston dolorigan al la tuta Esperantistaro. (Red.)**

## Peresperanta Itala Komisariofico por Militperditoj.

### Unua Komuniko.

1. Laŭ ordonoj de Itala Esperantista Federacio, la Komisariofico iniciatas sian laboron.

Oni reade parolis en Italio pri atentinda nombro da italaj militkaptitoj kaj militdisperdiĝintoj ankoraŭ vivantaj en Ruslando kaj Siberio; multuloj el ili en vivkondiĉoj certe tre mizeraj, sen ebleco rehejmiĝi kaj komuniki kun patrolando kai kun familioj. Tiu ĉi Komisariofico celas kunlabori al serĉado pri ili, kaj disdonj informojn kaj helpojn, laŭ ĝia povo. Tiu agado ne limiĝos, nature, nur al italaj militkaptitoj kaj -disperdiĝintoj pri kiuj la Komisariofico speciale zorgas, sed ampleksos ĝis ĉiuj, al kiuj la cirkonstancoj ebligos helpi, el kiu ajn nacio ili estas.

Peraĵoj al tiu ĉi nia celo estos rilatoj kiujn uzado de Esperanto kaj ekzisto de Esperanto-organizaĵoj, aŭ bonvoleco de samideanoj ebligos aŭ plifaciligos.

Helpoj estos sciigoj, adresoj, konsiloj, fine mondonacoj, kiujn italaj kaj neitalaj gesamideanoj bonvolos sendi al la subskribanta komisario.

2. Ĉiuj gesamideanoj kiuj havas aŭ havis gekorespondantojn en Ruslando, Siberio, Kaŭkazo, Japanio; aŭ ĉiuspecajn rilatojn, ankaŭ ne peresperantajn (ekz. kiel komercistoj, kolektantoj, militistoj ktp.) kun orientaj landoj, sendu adresojn, kaj taŭgajn informojn. Utilos adresoj: 1e de Esperanto-grupoj; 2e de Esperanto-gazetoj aŭ -revuoj, agentejoj ktp.; 3e de simplaj samideanoj. Oni sciigu samtempe ĉu oni rajtigas uzi sian nomon plivalorigi la imformpeton, aŭ ĉu ne.

3. Adreso (ununura) de la Komisariofico estas, ne en insulo Sascno, kiel oni estas komunikinta antaŭe, sed: R. Orengo, Via Manzoni 3, La Spezia (Italio).

La Spezia, aprilon 1923.

La Federacia Komisario
Rinaldo Orenga.

## Monumento al Zamenhof.

La aperigo de la du bildoj de la premiitaj verkoj por la Z. M. en nia gazeto kreis intereson kaj eksciton pri la projekto inter la samideanaro. Ni ricevis multajn leterojn pritraktantajn la meritojn de la verkoj el kiu ni publikigas kelkajn hodiaŭ.

La organiza Komitato informas nin, ke la tutmonda esperantistaro povas esti trankvila, ke oni neniel intencas rapidigi la aferon. Oni bone rekonas ke starigo de tia monumento estas koncerno de ĉiuj Esperantistoj, kaj tial oni esperas, ke la fina decido estos nepre kontentiga al la plimulto, post zorga konsiderado kaj interkonsiliĝo kun la samideanaro. La urĝa afero dumtempe tamen estas, la pli vigla subteno de la monkolekto organizita per la sistemo de la kuponkartoj. La Sekretario plendas, ke multaj fortaj centroj de Esperantujo, ne klopodis eĉ postuli la kupon-kartojn. Oni entreprenas ja nenian riskon en tio, aliflanke la sperto jam montris, ke tiuj samideanoj kiuj havigis al si la k. k. sukcesis vendi ilin por la bono de la kaso. Ni aparte petas la landojn kies valuto estas en forta stato, ke ili klopodu pri la monkolekto kaj havigu al si la k. k.

Skribu al la Honora Sekretario *J. D. Applebaum,*
II Mayville Rd., Mossley Hill, Liverpool (Angl.)

*Ricevitaj leteroj:*

∴ *Jules Thiebault, Carignan, Francujo.* — 21 aprilo 1923.

Mi havas la plezuron sendi al vi 20 frankojn nian donacon al la Monumento. Mi preferas la I-an premiitan verkon.

* * *

∴ *A. Ploussu, delegito de UEA, Grenoble.* — 22 aprilo 1923.

Pri la du premiitaj verkoj por monumento. La unua estas tre bellinia sed, laŭ mia opinio, la dua pli bone trafas alegorie kaj, en ne afekta stilo, donas pli da imponeco al la tombo de tiu, kiun ni volas rememorigi. Do nia prefero, kaj ankaŭ tiu de la ĉi tieaj samideanoj iras al la dua. Li plue konsilas ke la teksto estu redaktita en la esperanta lingvo kaj sendas 5 frankojn kiel donaco.

* * *

∴ *H. Bonnevie, Kristiania.* — 21 marto 1923.

Mi preferas la projekton „unua premio". La alia certe estas pli impona, sed la homaj figuroj ne ŝajnas al mi esti belaj.

* * *

∴ *Aug. Pitlík, Praha.* — 6 marto 1923.

Ekvidinte la du premiitajn verkojn, mi sincere diras, ke ili min ne kontentigas, esprimante krom la surskribo kaj stelo, neniun ideon, regantan la vivon kaj agadon de D-ro Zamenhof. Estis laŭ mia opinio granda eraro, ke oni limigis la konkurson sole je Polujo. Kia propaganda poresperanta estus estinta la internacia pormonumenta konkurso! Ĝi certe estus alportinta al ni ne sole verkojn unuarangajn, sed ankaŭ atenton priesperantan de la ĉefaj artistoj tutmondaj.

* * *

∴ *R. Chapron, Pont-de-Gennes, Sarthe.* — 22 aprilo 1923.

Mi preferas la unuepremiitan projekton de la monumento.

* * *

∴ *D. F. Romein, Drumpt,* Tiel. Nederlando.

La bildo de la dua projekto estas ne klare presita speciale la figuroj, por tio mi ne povas akordiĝi kun la Org. Kom., kiu havas preferon al tiu verko. Mi tial preferas la unuan projekton. Kredeble mi ŝanĝus mian opinion se la dua premiito estus pli bone presita, aŭ se mi persone povus vidi la du originalajn verkojn. Ĝenerale mi ŝatus monumenton simplan por nia majstro, kiu mem estis modelo de simpla kaj modesta homo.

* * *

∴ *E. Urbach, Antwerpen.* — I-a majo 1923.

La projekto kiu akiris la unuan premion estas la plej taŭga kaj meritas esti akceptota de la Org. Kom.

* * *

∴ *E. L. Osmond, London.* — 29 majo 1923.

Konsentas kun tiuj, kiuj nekŝatas la unuan nek la duan premiitan verkon. Kial oni ne povas havi altan piramidon sur kvinpinta stelo bazo, eble el verda ŝtono, tute simpla sed trafa pri ĝia neordinareco. Tiajn, kiaj la aliaj ne vidas ĉie. D-ro Zamenhof ne estis ordinara homo, do lia monumento devas esti malordinara. Ni havu kolumon kies pinto, kiel fingro, leviĝas ĉielen, kie loĝas la Dio de ano kiun li servis.

## Al niaj kunlaborantoj!

**Oni sendu la manuskriptojn, kronikaĵojn, anoncojn ĝis la 15a de ĉiu monato por apero en la sekvanta monato!**

# KRONIKO.

La sekvantaj novajoj estis speciale senditaj al ni kaj pro tio ni presigas ilin. Represo de kronikajoj el naciaj gazetoj estas tro malfrua. Ni proponas, ke la naciaj societoj sendu al ni tre mallongan resumon pri la movado en sia lando ĉiam en la mezo de ĉiu monato. *Red.*

## Britlando.

En *Hastings, Glastonburg, Kettering, York, Keighlej, Bradford kaj Bournemouth* la esp. grupoj aranĝis propagandajn paroladojn de D-ro Privat plej ofte preziditajn de urbestro sub la aŭspicio de la loka filio de la Unuiĝo por la Ligo de Nacioj.

*Londono.* S-ro Edmonds prezentis sian raporton pri la Venezia Konferenco al la Komerca Ĉambro kun plena protokolo angle. La tuto aperis kiel bonega broŝuro havebla ĉe Brita Esp. Societo, 17 Hart St., London WC. 1.

## Ĉeĥoslovakio.

Raporto pri Venezia Konferenco aperis en multaj gazetoj. Komerca Ĉambro de Praha aranĝis la 22 majo kunvenon por 50 komercaj korporacioj, kie S-ro Hromada kaj Pitlík donis raporton pri Esperanto kaj Venezia konferenco. En registara projekto pri reformo de la mezgradaj lernejoj Esperanto estas rekomendata kiel unu el rimedoj por veki senton de interhoma solidareco de lernantoj. La 14. regiona kunveno de orientbohemaj esperantistoj okazis en Nymburk la 9—10 junio. La ministerio de eksterlandaj aferoj sciigis ĈAE, ke estos donita 50 % rabato je vizkostoj al samideanoj el malaltvalutaj landoj irantaj al la kongreso de Nürnberg tra Ĉeĥoslovakio. La ministerio de instruado petis ĈAE havigi al ĝi nomaron de ĉiuj esperantaj tradukoj el la ĉeĥa literaturo. La nombro de la membroj de Honora Komitato de ĈAE kreskis al 70 eminentuloj.

En *Brno* estis organizitaj dum printempo 1923 samtempe 8 kursoj, inter ili oficiala kurso por policistoj kun 120 anoj.

*Plzen.* Fondiĝis Laborista Ligo Esperantista en Ĉeĥoslovakio kun centro en Plzen.

*Přerov.* Post du kursoj fondiĝis esp. societo, kiu petas sendon de ĉiuj esperantaj presaĵoj por ekspozicio (al S-ro Ed. Zatloukal, Čechova 10, Přerov.)

Regiono *Trutnov* (Trautenau). Dum la pasinta duonjaro estis de S-ro Otto Schmidt aranĝitaj paroladoj pri Esperanto en Pilnikov (Pilnikau), Vrajt (Freiheit), Maršov (Marschendorf) kaj Poříčr u Trutnova (Parschnitz).

Esperanto-kursoj estis en Pilnikov (Pilnikau) kaj Maršov (Marschendorf).

*B.-Leipa.* S-ro instruisto Taubmann paroladis en kunveno de la „Distrikta instruista societo“ pri Esperanto. Aŭtunon sekvos kurso por geinstruistoj. F-ino Smasal gvidas kurson en la gimnazio.

*Deutsch-Gabel.* Kurso por komencantoj de S-ro instr. Themel.

*Eichwald-Pyhanken.* La grupo havas laŭ la lasta monatkunveno 61 anojn. Ĝi konsistas el la grupo en Eichwald, el la rondo „Zamenhof“ en Pyhanken, el la sekcio Settenz-Ziegelhütten kaj el la sekcio Hostomitz.

*Haida.* La eldonejo „Marto“ eldonis flugfolion pri la „Venezia Konferenco“, verkita de S-ro P-ro inĝ. Scholze. Tre valora varbilo inter komercistoj, ĉar ĝi enhavas nur faktojn.

*Hohenelbe.* La 12. V. fondiĝis la grupo „Esperantista Rondo“. Prezidantino F-ino instruistino Elise Tham. Kunvenoj ĉiulunde en „Hotel Bremen“.

*Janessen* ap. Karlsbad. Ĉefkunveno, Prezidanto S-ro Bouscheck. La kunvenintaro decidis aliĝi al la Ligo de Germanaj Esperanto-Societoj en Ĉeĥoslovakio.

*Jägerndorf.* Okaze de kursfina festo la gekursanoj prezentis „Duonsurda“, duakta komedio de Roksano. Kurson por laboristoj gvidas S-ro Zajic en la burĝa lernejo.

*Klostergrab.* Kurso kun 70 lernantoj gvidata de S-ro Guttmann.

*Leitmeritz.* La labora distrikto B.-Leipa faris interkonatiĝan ekskurson en la florantan Elbe-valon kun bona sukceso. Partoprenis anoj de ĉiuj grupoj de la distrikto.

*Meierhöfen.* Ĉefkunveno, Prezidanto S-ro instruisto Hajek.

*M.-Odrau-Oderfurt.* Dum kursfina festo paroladis la kursgvidinto S-ro Benisch pri la esenco de esperantismo. Li nun gvidas perfektigan kurson.

*M.-Trübau.* S-ro burĝlerneja direktoro Wopalka propagandas per la ĉi tiea gazeto. Kurso komenciĝos la venontan aŭtunon.

*Moschen.* Kurso kun 26 lernantoj el la socialista junularo, gvidata de S-ro Guttmann.

*Oberleutensdorf.* Kurso gvidata de S-ro P-ro Murath-Dux.

*Reichenberg.* Dum la ĉiuvendredaj kunvenoj okazas regule interesaj paroladoj. Dum la pasintaj semajnoj paroladis: F-ino Umann pri la „Izermontaro“, S-ro P-ro Scholze pri la „Venezia Konferenco“ kaj „Vojaĝaj impresoj de la tien kaj reen vojaĝo“, F-ino Zechel pri „Vojaĝo en Italio kaj Svisio“, S-ro Hirschmann pri „Rhejnlando“, S-ro Schüller pri „Migradoj en la alpoj“, S-ro instruisto Hübner pri „Lando kaj moroj de Albanio“. S-ro P-ro Scholze elike propagandis dum oficiala kunveno de profesoroj de industriaj lernejoj. La foiro dissendas denove esperantlingvajn varbilojn.

*Ringelshain.* S-ro instruisto Taubmann faris varban paroladon kun bonega sukceso. Kurso komenciĝis, gvidata de S-ro instruisto Themel.

*Zuckmantel.* Komenciĝis kurso kun 20 lernantoj, gvidata de S-ro Schuster. Parolado de S-ro P-ro Murath pri „Esperanto kaj mondhelplingva problemo“.

*Zwittaŭ.* La ĉi tieaj 3 gazetoj de nun raportas pri nia movado dank' al la klopodoj de S-ro Kolowrat, kiu preparas kurson.

## Francio.

*Paris.* La 12 junio okazis en la ejo de la Franca Societo de Fotografio la unua publika kunveno de la „Asocio por franca komerca disvastiĝo per Esperanto“ (iama „Esperanto kaj Komerco“). Ĉeestis kelkdekoj de gravaj invititoj: komercistoj, membroj de la komercaj ĉambroj, de la Societo de civilaj inĝenieroj, ankaŭ Pascalis, eksprezidanto de la Parisa Komerca Ĉambro, kiu estis fidela amiko de nia lingvo. Prezidis generalo Sebert, parolis S-ro Baudet.

*St. Denis.* La tria kongreso de Federacio de Revoluciemaj Esperantistoj franclingvaj (Belgoj, Francoj, Svisoj) okazis la 19—20—21 majo ĉe la magistratdomo. Ĝi komenciĝis per propaganda kunvenego en kiu estis pritraktata de diversaj oratoroj la temo pri nepra neceseco de Esperanto por la laboristaro. Poste „Verdkatanoj“ prezentis teatraĵon.

Ĉeestis ankaŭ tiun kunvenon kamaradoj Frenkel (Hungaro) kaj Burda (Ĉeĥo) kiuj alparolis la publikon en Esperanto. 46 kongresanoj reprezentis 18 grupojn.

Viglan diskuton okazigis propono pri ŝanĝo de l' nomo de la Federacio. Pro taktika motivo, konsidere la reakcieman sintenadon de S-ro Léon Bérard al Esperanto, la ŝanĝo estis akceptata preskaŭ unuanime (du sinretenoj). De nun la nomo estas „Féderation Esperantiste Ouvrière“ (Esperantista Federacio Laborista). Estis ankaŭ decidita la ŝanĝo de l' titolo de la federacia presorgano „L' Esperantiste Révolutionnaire“ je „L' Antinationaliste“ kaj ĝia ĉiumonata apero en franca lingvo komence de oktobro.

El la raportoj pri la movado, kio estas plej menciinda estas la rezultaĵoj per la „koresponda kurso“, kiun gvidas K-doj Robert (Paris) kaj Ehévenet (Lyon).

*Versailles.* La grupo estas nun tute reorganizita, la estraro konsistas el S-ro Chilard, prezidanto, delegito de UEA; vic-prezidanto S-ro Guadet, tre eminenta profesoro ĉe la liceo; sekretario S-ro Degois.

Dank' al la energia propagando de S-ro Guadet, profesoro ĉe la liceo konferenco estis farita en la ĉirkaŭaĵoj de Versailles. Plie S-ro Guadet organizas kurson privatan por kelkaj lernantoj de la liceo. S-ro Chilard, delegito de UEA invitas tutkore la samideanojn venante en Francujon viziti Versailles. Li estas ĉiam preta por doni ĉiujn informojn kaj eĉ akcepti la esperantistojn trapasante Parizon.

## Germanio.

*Breslaŭ.* Fondiĝis Asocio de Junaj Germanaj Esperantistoj, kiu petas sendon de libroj kaj gazetoj. (Al S-ro G. Habellok, 19, Schleiermacherstr., Breslaŭ).

*Dresden.* La 23 marto la Komercista Grupo aranĝis tre bone vizititan monatkunvenon, dum kiu S-ro Krestanoff, sekretario de la Bulgara Ĝenerala Konsulejo en Dresden, faris interesplenan prelegon je temo „En la lando de la rozoj" (kulturado, rikoltado, distilado de la rozoj), estis prezentita akto de Hamleto kaj diritaj tre spritaj Esperanto-humoraĵoj.

La dua kongreso de la bulgaraj vegetaranoj loĝantaj en Germanio okazis la 8—10 aprilo en Dresden. Ĉeestis 50 pers., plej multe bulgaraj gestudentoj, kiuj voĉdonis rezolucion por Esperanto.

*Freiberg (Sa.).* Dum solena festo okaze de la lernjara fino (20. 3. 23.) en la komerca lernejo lernanto faris antaŭ multnombra aŭdantaro paroladon pri: La graveco de Esperanto por la komercistoj. Li atntigis speciale pri la Venezia Konferenco.

*München.* Fondiĝis novaj grupoj de poŝtistoj, policanoj kaj fervojistoj, kiuj aliĝis al Esperanto-Kartelo München.

## Hispanio.

Kataluna Esperantista Federacio organizis interesan paroladon de ĥina samideano S-ro W. Kenn, ĵus alveninta de la Venezia Konferenco kaj Valencia Kongreso.

Malgraŭ la rapideco laŭ kiu ĝi okazis, pro lia mallonga ĉi tiea restado, tiu parolado pri ,,La juna Ĥinujo" altiris tre sukcese la gesamideanojn.

Certe tute nova estas por Hispano la ĥinaj moroj kaj literaturo.

Kelkaj samideanoj montris, al afabla S-ro Kenn, la Barcelonan ĉirkaŭaĵon.

*Barcelona.* Nia dumviva membro profesoro Delfi Dalman paroladis en „Atenea Empordanès" antaŭ multnombra publiko pri la neceseco, ke ĉiuj esperantistoj eniru la vicojn de UEA. Li ankaŭ pritraktis artikolon de malamiko de Esperanto kaj per trafaj argumentoj nuligis la senfundamentajn atakojn de la verkisto S-ro Andrenio.

## Hungario.

*Kaposvàr.* F-ino Heleno Medveczky komencis novan kurson (20 pers.).

*Budapest.* La 30an de aprilo okazinta komitatkunsido elektis D-ron J. Takács kaj D-ron V. Tóth por sekretarioj. En majo estis la Printempa Foiro, kio havis esperantan angulon, same la la infanekspozicio en junio.

*Pécs.* La 19an—21an okazis la Va Hungara Esperanto-Kongreso. Ĉeestis 192 personoj. La kongreson salutis la reprezentantoj de grupoj kaj esperantistoj el 22 hungaraj urboj. La saluton de zagrabaj samideanoj D-ro Maruzzi, de ĉeĥoslovakaj S-ro Badin transdonis. Elektita kongreso-estraro: hon. prez. D-ro A. Giesswein, pr. J. Lajos, kunprez. P-ro L. König, pr. D-ro König, pr. D-ro L. Lóránd, L. Forgon, S-ino P. Turzó, sekr. D-ro J. Takács, D-ro J. Balla, not. R. Harras, G. Selényi, A. Sieron, F-ino H. Fiedler. Dum la kongreso okazis fakkunsido de komercistoj, ekspozicio, katolika Esperanto-diservo, jarkunveno de UEA, fakkunsido de gazetserva fako, ekskurso, festtagmanĝo, art- kaj dancvespero, kie Baghy kaj Kalocsaj deklamis, S-ino E. Podvinecz cimballudis, D-ro Ludov kaj Stef. Győry-Nagy violonludis. Baghy en sia propra dramo „Mister Hawkins" havis grandan sukceson. La plej grandan sukceson atingis la duakta komedio de Kalocsaj: „Li, kiel ŝi", en kio Baghy kaj F-ino H. Pechan brile ludis.

**Jarkunveno de hungaraj UEA-anoj.** La 20an de majo posttagmeze je la 2a kunvenis la hungaraj UEA-anoj en la Pécs'a urbdomo okaze de Hungara Esperanto-Kongreso por la kutima jarkunveno. Oni elektis por prezidanto P-ro Ludoviko König, sekretario D-ro Josefo Takács. Ĉeestis la delegitoj el Böhönye, Budapest, Kaposvàr, Makó, Miskoler, Meröcsát, Nagykörös, Pécs, Sceged, Szombathely, Ujpest kaj 24 membroj. Ĉefdelegito P. Balkányi raportis, ke UEA havas 19 delegitojn kaj 140 membrojn en Hungario. La plej multaj anoj estas en Budapest (33), Miskoler (14), Ujpest (7), Pécs (6), Szeged (4). Fine li alvokis la delegitojn kolekti novajn membrojn.

La kunsido decidis saluti samideanon Privat por la grandaj servoj kaj meritoj, kiujn li faris por Esperanto.

La sekvonta jarkunveno okazos dum la Szombathely'a VI-a Hungara Esperanto-Kongreso.

**Komerca propagandparolado en urbo Győr.** La 29an de aprilo okazis en la ĉambrego de Komerca Societo Lloyd sub aŭspicio de tiu societo kaj de la Győr'a Industria Korporacio granda propagandparolado. Post saluto de la prezidanto de la Lloyd-Societo parlamentano D-ro Giesswein parolis pri „Historio kaj ideala flanko de Esperanto" kaj S-ro Balkányi raportis pri la praktika flanko laŭ la dokumentoj de la Venezia Konferenco. En plenega ĉambrego ĉeestis multaj komercistoj kaj industriistoj, kiuj aprobis la ideojn diritajn. Jam antaŭe la lokaj gazetoj kelkfoje sciigis pri la paroladoj. Poste la gazeto „Dunáutul" en longa ĉefartikolo raportis pri la sukceso. Laŭ promeso la Komerca Ĉambro de Győr mem organizos la unuan kurson.

**Aliĝo de kvar pluaj ĉambroj al la Venezia Konferenco.** Laŭ la oficialaj raportoj en Venezia el Hungarlando nur la Komerca kaj Industria Ĉambro de Budapest estis reprezentita. Oni devas aldoni, ke la Ĉambro de Győr same oficiale sendis reprezentanton al la konferenco, pri kio la konferenca sekretariejo ricevis oficialan skribaĵon. Ĉar la ĉambroj de Debreczen, Miskoloz kaj Szeged petis la Ĉambron de Budapest, ke tiu ankaŭ ilin reprezentu en Venezia, oni povas rajte skribi, ke ankaŭ tiuj ĉambroj estis reprezentitaj. Per tiu al la nombro de la ĉambroj oni povas aldoni kvar novajn.

## Italio.

*Milano.* Granda Esperanto-koncerto kun parolado okazis en la Reĝa Konservatorio Verdi la 2an de junio. P-ro Ravizza, direktoro de la komercaj lernejoj aliĝis al la Propaganda Esperanta Komitato.

*Genova.* Okazis premidisdono dimanĉon la 20an de majo ĉe la tiea por geblinduloj Instituto „David Chiossone".

La loka agema „Laborista Esperantista Grupo" daŭrigas la senpagan dissendadon de la de ĝi tradukita kaj eldonita grava Mazzini'a verko en Esperanto „Devoj de la Homo" al la tutmonda samideanaro.

Oni sendis ĝin ankaŭ al la tuta Itala Ministraro kaj Itala Ŝtata Subsekretariaro, inter kiuj multaj per laŭdigaj vortoj, ricevatestis la libreton.

Propagandcele la L. E. G. sendis la tre trafan raporton pri la sukcesinta Internacia Konferenco por Komuna Lingvo okazinta en Venezio, al la lokaj komerc-ĉambroj, aŭtoritatoj kaj turismaj organizaĵoj.

Tiu samideano, kiu ankoraŭ ne ricevis la „Devoj de la Homo", sed ĝin deziras povas ĝin peti al la „Laborista Esperantista Grupo" en Casella Postale 922, Genove (Italio).

Nia malnova samideano S-ro librotenisto Beneitino Giuseppe, urba konsilanto, parolis pri Esperanto ĉe urba konsilantara kunveno kaj interesigis la urbestraron kiu alprenis la decidon enkonduki oficiale Esperanton en la vesperaj lernejoj. Gratulojn!

*Soave* apud Verona, mirinda mezepoka urbeto kun plene konservita antikva kastelo, gastis la 27an de majo Interregionan Kunvenon de Esperantistoj. Ĉeestis cento da personoj el dekdu urboj. Solena akcepto de l' urbestro. Vizito al la kastelo gvidata de fama pentristo Mattialli. Kunsido kaj prelego de D-ro Toschi pri valoro kaj signifo de Esperanto en nuntempa historia momento.

*Trieste.* La pasintan semajnon instruistoj S-roj Antonio Ratissa kaj Vittorio de Nardo finis plensukcese siajn kursojn en la lernejo „Italia". Multaj lernintoj aliĝis al nia grupo. D-ro Arturo Ghez malfermis novan kurson en la ĉambrego de nia grupo kun pli ol 60 partoprenantoj. Samideano Jacques Pisa faris antaŭ multenombra ĉeestantaro itallingve paroladon pri sia ekskurso en la polusajn regionojn kaj pri la internacia kongreso en Helsinki. La lokaj gazetoj raportis favore pri la parolado.

Post la konferenco en Venezia multaj kongresistoj, inter kiuj ministeria sekretario Klaijĉ el Belgrado, vizitis nian urbon, gratulante pri la vigla movado.

*Terni.* Oni vigle laboras tie por prepari la VIIIan Nacian Esperanto-Kongreson en septembro 1923.

## Litovio.

*Vilkija.* Tio ĉi urbeto estas tre malgranda, sed tamen tie ĉi fondiĝis esperantista rondeto. Aliĝis 23 membroj. Kelkaj jam tute plene scipovas kaj uzas esperantan lingvon. Oni pensas fondi librejeton, sed en nia rondeto mankas de verkaĵoj. Oni petas sendi esperantajn librojn, gazetojn. Laŭ adreso LitOvio, Vilkija, Vidurine Mokykla, Esperanta Rondeto (Knopelé).

## Pola Respubliko.

Ni tre bedaŭras, ke, malgraŭ nia peto, ni ricevis neniun raporton pri la jara kongreso de la polaj esperantistoj. Ankaŭ la gazeto „Pola Esperantisto" ne alvenis depost aprilo·*)

*Lódz.* La 20.—21. de majo okazis la IIa Jarkunveno de Esperantista Societo „Laboro". Ĉeestis 9 delegitoj el Warszawa, Lublin kaj Lódz, reprezentantaj ĉirkaŭ 150 membrojn kaj kelkaj gastoj. Delegitoj raportis pri faritaj dum pasinta jaro spertoj koncerne gvidadon de laboristaj kursoj. Oni decidis, ke membroj de „Laboro" ne povas esti samtempe anoj de aliaj societoj, celantaj propagandon de Esperanto en Polio. Koncerne la apartenon al internaciaj organizaĵoj, havantaj kiel celon ne propagandon, sed praktikan uzadon de la lingvo, membroj havas plenan liberecon.

*Lublin.* La 14an de aprilo S-ro J. Zawada faris sukcesplenan prelegon pri Esperanto kaj ĝia nova stato en mondo. Estis ĉirkaŭ 100 personoj. S-ro Cz. Pruski, del. de UEA, gvidas 3an laŭvican esperantan kurson. Loka gazeto „Ziemia Labelska" estas konkirita al nia movado.

*) Korektante la nunan gazeton ni ricevis „Pola Esperantisto"n de majo-junio; ni ĝin analizos en la venonta numero de „Esperanto".

## Japana Imperio.

*Tokio.* Altgrada kurso ĉe Nippon-Esp.-Ŝa bone progresas sub la gvido de S-roj Ossaka, Chif kaj aliaj sinjoroj. Pli ol dudek fervoraj esperantistoj kunvenas ĉiusabate. En la 11a de aprilo bonveniga kunveno por F-ino Root, samideana ĵurnalistino el Usono, estis aranĝita ĉe „Gakuŝikai". Kelkdek geesperantistoj kunvenis por vidi tiun ĉi mondefaman pacifistinon. En la 26a de aprilo propaganda kunveno okazis en la Unua Nacia Kolegio. S-ro Junker elokvente paroladis germane. D-ro Murata kaj S-roj Inoue kaj Hori ankaŭ paroladis. Vespere „Kompa" estis aranĝita en manĝo-ĉambro kun ĉeesto de Ossaka.

*Jokohama.* La 24an de marto, Jokohamaj samideanoj forvidis D-ro Ramstedt. Verda standarto flirtis en frumatena vento preĝante bonvojaĝon por nia intima amiko.

*Kioto.* La 18an de aprilo la unua kunsido de studentaro en nova lernejsezono okazis sub la prezido de S-ro Sakurada. Regularoj de ĉiuj grupoj estis deciditaj. La 22an de aprilo F-ino Alexander vizitis tiun ĉi urbon kaj bonveniga kunveno estis aranĝita en la kunsidejo de Univ. Ŝia ĉarma parolado pri Bahaismo tre interesigis ĉeestantojn.

*Nagoja.* Studenta Federacio bone funkcias sub gvido de S-ro Iŝiguro. Nova kurso en la Teknika Kolegio akiris ĉirkaŭ 50 ĉeestantojn. Kurso sub aŭspicio de Ĵurnalo Ŝinaiĉi ankaŭ sukcesis sub gvido de S-ro Iŝiguro. En la Oka Nacia Kolegio ankaŭ nova kurso komenciĝis kun 40 studentoj. La 26an de aprilo kunveno de ĉeestintoj de la kurso okazis kaj novaj samideanoj dekore esprimis dankon al la gvidinto. Kelkaj famaj magazenoj komencis uzi nian lingvon por reklamo aŭ en montra fenestrejo. Tiel pli kaj pli verdiĝos tiu ĉi urbego.

*Onomiĉi.* Nova esperanta klubo fondiĝis en tiu urbo, dank' al klopodo de S-ro Naka.

*Saseho.* S-ro Aŭaja, nova centro de nia movado en tiu ĉi urbo gvidas kurson por maroficistoj kun 30 ĉeestantoj.

*Jaŭata.* S-ro Curuga fervore propagandis dum lia reveno al al hejmlando. Li gvidis kurson ĉe Kokura kaj Jaŭata kun 130 ĉeestantoj. Tiel nova esperanta grupo estas naskiĝanta ankaŭ en tiu ĉi parto de Kjuŝu.

*Asakura.* Nova grupo naskiĝis en la Asakura Liceo. S-ro Hori fervore aranĝis kaj gvidis. Ni tre ĝojas, ke liceanoj tiel fariĝas centro de kultura movado inter lokaj junuloj.

*Seulo* (Keiĵo). Dank' al penado de S-ro Mijamoto kurso malfermiĝis en la Korea Banko kaj nova grupo naskiĝis en tiu ĉi banko.

*Heiĵo.* Brava batalanto S-ro Ojama vojaĝis ĉi tien kaj paroladis en liceo kaj aliaj lernejoj kaj por publiko. Poste li kaj S-ro Nakagaki gvidis kurson en Kŭaĉo Virina Liceo sub aŭspicio de Ĵurnalo Heinan-Mainiĉi. Okdek ĉeestantoj kun D-ro Uĉimura kaj instruistoj fervore aŭskultis lin; ni devas grandlitere raporti klopodon de S-ro Ojama kaj S-ro Mori, ĵurnalisto.

*Jinsen.* Esperanta kurso okazis en popola lernejo sub gvido de S-roj Ojama kaj Nakagaki kun granda sukceso. Nova grupo naskiĝis. Ni sentas grandan ĝojon vidante gloran prosperon de nia movado en Koreo. [M. Hori.]

*Ŝizuoka.* La 22an de marto S-ro Sasaki el Jokohama vizitis nin. Tamen milbedaŭrinde li reveturis tre baldaŭ. En la sama tago alvenis S-ro T. Juri el Tokio al ĉi tiu urbo. Vespere oni havis tre gajan kunsidon ĉe S-ro Kaĵi, fama dentisto. La elokventa parolado de vizitanto tute ensorĉis ĉiujn ĉeestantojn. La 28a ankaŭ estis memorinda tago por ni, ĉar ni ricevis la viziton de esperantistino, F-ino Iĉikaŭa el Numazu. Kelke da gesamideanoj kun-

sidis ĉe S-ro Jano. La 21an de aprilo ŝi denove nin vizitis. La 28an ni havis la plezuron renkonti S-ron Togu el Odaŭara. La 29an Ŝizuoka Verdstela Klubanaro kunsidis ĉe S-ro Takahaŝi. En nia urbo la nova Nacia Kolegio fondiĝis, kaj ni preparis enkonduki nian karan lingvon en la lernejon. Estu benata la semado ĉi tiea. [Raportita de Verdaĵo.]

## Sudameriko.

*Montevideo* (Urugvajo). Sub la aŭspicioj de la Teknika Inspektoro de Publika Instruado, nia delegito S-ro Manuel Fernández faris paroladon al geinstruistoj ĉe la Pedagogia Muzeo. Ankaŭ okazis sukcesaj parolado kaj kurso de S-ro Enrique Legrand, organizitaj de ĉi tiea Ruĝa Kruco.

Okazo je raporto prezentita de S-ro Legrand al urugvaja reregistaro, kiel oficiala reprezentanto antaŭ la esperantistaj kongresoj de Praha kaj Helsinki, la Teknika Inspektoro de Publika Instruado, S-ro Emilio Fournié, favore informis la kreon de oficiala kurso de Esperanto por geinstruistoj kaj la malfermon de prova kurso por infanoj en publika lernejo.

## Aŭstralio.

*Melbourne.* La prezidanto de la Esperanto-Klubo veturas al Nürnberg kaj survoje faras paroladojn en Esperanto pri Aŭstralio.

*Sydney.* La grupo forte funkcias dank' al sia agema sekretario L. E. Pfahl kaj entuziasma komitato. Estas aranĝita por la vintraj kunvenoj serio de prelegoj en Esperanto por doni praktikon al membroj kaj vizitantaj esperantistoj. Post la Kvara Aŭstralia Kongreso kiu okazis ĉe la Pasko, D-ro Fred J. Williams M. B, B. S. (Melb. Univ.) restis dum tri semajnoj kaj faris multajn propagandajn laborojn, precipe inter membroj de la Societo de Amikoj.

*Newcastle,* N. S. W. Nova grupo stariĝis sub kontrolo de Worker's Educational Assoc. (Laborista Eduka Asocio). La Sydney Societo liveras lernolibrojn ktp. kaj estas pli ol dudek komencantoj. Newcastle estas sidejo de la ĉefaj karbminejoj de Aŭstralio, kaj ankaŭ de la fer- kaj ŝtalindustrio; kaj en la regiono loĝas pli ol 100.000 personoj. La Broken Hill Proprietary Co. mem en sia por kruda fero kaj lamenitaj ŝtalaĵoj, larĝa fer- kaj ŝtalfabrikejo, dungas pli ol 6.000 laboristojn. Ankaŭ estas larĝaj fabrikoj por fadenoj ŝtalaj kaj ŝtalaj retoj starigitaj de la angla firmo Rylands Bros. kaj fabrikejo por galvanizitaj plataj kaj sulkigitaj ferladoj starigita de John Lysaght. Multaj industrioj ekstariĝas ekster feraĵoj. Ekzemple estas nova muelejo por kruda kotono kiu de nun estas multe kulturita en la pli aŭ malpli tropiketaj valoj de norda parto de Nov-Sud-Kimbrujo. La kotono-kreskado nun forte stariĝis en Aŭstralio, ĉefe tamen en la plej norda Ŝtato, Queensland (Kvinslando).

---

# La progreso de Esperanto inter blinduloj.

Ĉar la aminda D-ro Zamenhof forlasis ordinaran kuracarton pro malĝojo pri morto de paciento, oni povas bone imagi, kiel akre li suferis kiam ajn li devis sciigi blindiĝanton, ke oni ne povis savi al li vidpovon. Sed kvankam li ne kapablis liberigi la tutan homaron de blindeco, li donacis Esperanton, rimedon tiel gravan por malpezigi la plej malbonajn ecojn de senvido, ke eĉ antaŭ lia morto centoj da blinduloj benis lin kiel savinton de sia anima vivo.

La nombro de tiaj benantoj konstante kreskas. Jam la 6. 5. 1923 preskaŭ 90 blinduloj el 12 landoj aliĝis la kongreson en Nürnberg. Kursoj por blinduloj, ekstaras en multaj landoj, el kiuj (paciĝu, ho nemenciitoj!) mi nomos nur tiujn en la fame konataj blindlernejoj Tomteboda (Svedujo); Perkins Institute, Boston kaj Antioch College, Ohio (Usono); kaj ĉe Edinburgh, Manchester kaj Bradford (Britujo). Precipe bonveninda estas la partopreno de amerikanoj en nia movado, ĉar la disvastigo de informoj el tia esplorema, sciamanta popolo treege utilos al alilandaj samsortanoj. Dum la pasinta jaro la cirkulado de nia kara „Esperanta Ligilo“, reliefpresata ĵurnalo, altiĝis je cent pliaj ekzempleroj ĝis la nuna 750. La Nacia Biblioteko por blinduloj en Londono pruntedonas reliefkopiitajn librojn senpage al rapide kreskanta legantaro en multaj landoj.

La radiko de la movado estas nia „Esperanta Ligilo“. Ĉiuj blindaj esperantistoj povas ricevi ĝin, eĉ tiuj en landoj de malbona monvaluto kaj tiuj, kiuj pro aldona kriplaĵo, surdeco, paralizo aŭ alia, loĝante en malriĉulejoj, kies unutonan ekzistadon ĝi tre feliĉigas. La ĉefrisorto de „Ligilo“ estas ĝia redaktoro kaj presisto, S-ro Harald Thilander el Stockholm, kiu dediĉas al la entrepreno ne nur multe da mono penege perlaborita, sed multajn horojn da laboro ŝtelitajn ofte matene kaj vespere el ripoza tempo. Kripla, surda, blinda gajulo li vigligas ĉion; elpensas novajn utilojn; varbas novajn helpantojn kaj taktoplene kuraĝigas ĉiujn kunlaborantojn!

Sub lia gvido „Ligilo“ kreskas ĝis ĝi fariĝis unu el la plej famekonataj kaj amataj porblindulaj ĵurnaloj en la tuta mondo. Ĝi eĉ superas naciajn samspecajn ĵurnalojn, krom unu, pro tio, ke ĝi enhavas ilustraĵojn, disdonante serion da landkartoj donace desegnataj de famkonata desegnisto S-ro T. W. Holmes, kiu eĉ lernis legi reliefe per la fingroj por certiĝi, ke liaj verkoj estu kompreneblaj per la tuŝa sento. Ĉi tiuj ilustraĵoj ne nur ĝojigas preskaŭ la tutan legantaron, sed konvinkas multajn kontraŭemulojn pri la valoro de Esperanto kiel instrua ilo por blinduloj.

Ĉiuspecaj sciigoj disvastiĝas monaton post monato per „Ligilo“, tradukoj de kies artikoletoj ofte troviĝas poste en porblindulaj naciaj gazetoj. Grava okazintaĵo por blindaj muzikistoj estas la modifaĵo de Braille-a muzikskribo nun uzata en Britujo kaj Ameriko, favore konsiderata en Svedujo kaj Holando, sed krom tio preskaŭ nekonata alilande escepte per sciigoj kaj specimenoj aperintaj en nia ĵurnalo.

Senfine oni povus rakonti pri komplezoj faritaj de legantoj unu al alia: jen aŭstra muzikstudantino nur pro monhelpo de sveda blinda bonfarulo povas daŭrigi sian lernadon, per kiu ŝi celas subteni sin dumvive; jen kuraĝa rusa rifuĝinto en Konstantinopolo ricevas de alilande muzikaĵojn por alĝustigi sian repertuaron al siaj malfeliĉaj cirkonstancoj; pri la sveda „Blindula Tago“ por subteni bonfaradon, kaj . . . Sed spaco mankas! Ĉefe el ĉio, la agado enspiras la fratecan spiriton de Esperantismo.

*W. Percy Merrick*, Woodleigh, Shepperton, Anglujo.

* * *

*La kuraĝiga progresado de Esperanto inter blinduloj estas unu el la plej ĝojigaj faktoj. Do ĉi tiun jaron cent novaj legantoj de „Esperanta Ligilo“ benas nian lingvon. Antaŭ du jaroj ni alvokis ĉi tie al monhelpado por subteni tiun utilegan organon. Bonaj respondoj venis kaj la sukceso kreskis. Nun ni denove alvokas al ĉiuj bonvolaj amikoj, ke ili sendu ian sumon al nia sindonema blinda kunlaboranto S-ro Merrick por la kaso de la „Ligilo“. Kiuj povas, tiuj organizu festetojn aŭ monkolektojn dum kunvenoj. Al ĉiuj helpontoj koran dankon!* *(Red.)*

# Informilo de Esperantistaj Societoj.

☆

## I. F. K. K. L.

La Internacia Federacio por Komuna Komerca Lingvo, fondita laŭ iniciativo de l' estinta Internacia Komerca Revuo kaj ricevinta kompletan regularon kaj konstruon en Helsinki 1922, lasttempe invitis la komercistojn fariĝi membroj de tiu faka unuiĝo, kies celo estas la plena enkonduko de Esperanto en komerco kaj industrio. La kotizo estas fr. sv. 5.— jare. La registro de l' Federacio entenas i. a. sekvantaj adresojn:

Unione S/A., Locarno, Svisujo, eksporto kaj importo, fabrikistoj de siropoj kaj trinkaĵoj.

S. Trebitsch & Sohn, Praha, Ĉeĥoslovakujo, fabrikejo de silkaĵoj en Sumperk.

H. D. Shaw & Co., Bradford, Anglujo, lankombejo kaj ŝpinejo.

„Esperanto Triumfonta", Köln-Horrem, Germanujo, internacia gazeto.

G. Vermandere, Anvers, Belgio, ĝenerala komerco, precipe oleoj kaj grasoj por margarenfabrikado.

Komerca Instituto Esperanto, Jägerndorf, Ĉeĥoslovakujo, agentoj.

Georg P. Ferree, Leesville, Louis., U. S. A., koopera kolonio.

Förbundet för ett Internationellt Handelssprak (FIH), Stockholm, Svedujo, asocio sveda por enkonduko de Esperanto en la komerco; 17 membroj-komercistoj, i. a. la Foiro de Skanio, Malmö.

La sekretario donas ĉiujn klarigojn.

Stockholm (Svedujo), la 13. junio 1923.

*Leander Tell*
adreso: Fleminggatan 20b.

---

# Svisa Esperanta Societo.

### Oficiala Informilo.

**Propagando.** La raporto pri la konferenco en Venezia prezentas efikan propagandilon en komercaj rondoj kaj estus dezirinde, ke la grupoj utiligu plej vaste tiun broŝuron. La Komitato de S. E. S. sukcesis ricevi je favora kondiĉo certan kvanton de tiuj broŝuroj, kiun ĝi disponigas al la grupoj. La vendoprezo estas por unu ekzemplero 0.50 fr. La grupoj mendantaj po 10 ricevas ilin por 3 fr., 50 ekz. 12.50 fr. Mendojn oni direktu al la sekretariino F-ino Diekmann.

**Kroniko.** Nia agema samideano, S-ro Perlet en Bern sukcesis enigi la libervolan instruadon de nia lingvo en la programon de la „Fortbildungsschule des Bernischen Beamten- und Angestellten-Verbandes". La instruado okazas en la urba gimnazio, ĉambro 23, merkredon vespere de $7^1/_2$—$9^1/_2$ horo.

Pliaj klopodoj pri enkonduko en privata komerca lernejo estas farataj, ni raportos pri tio en la venonta informilo.

La grupo „Stelo" en Genève havis la plezuron aŭdi eminentan samideanon, S-ro Kunio Yanaghita, membro de la japana legacio ĉe la Ligo de Nacioj, pri Esperanto en Japanio. Ĉe ekspozicio „La semajno de l' infano" en la granda salono de Plainpalais estis esperanta tablo kun lernejaj taskoj de infanoj el la kurso de S-ro R. Borsa, instruisto.

La ĝenerala kunveno de S. E. S. okazos en Bern dum oktobro, verŝajne la trian dimanĉon, kun la jena provizora tagordo:

1. Protokolo de la antaŭa ĝenerala kunveno.
2. Raporto de la Centra Komitato.
3. Raporto de la kasistino kaj kaskontrolantoj.
4. Elekto de la prezidanto kaj ĉefgrupo.
5. Elekto de la loko por la venonta ĝenerala kunveno.
6. Fikso de la kotizo por la venonta jaro.
7. Organizo de gazetservo.
8. Diversaĵoj.

La C. K. petas, ke oni sendu por la komenco de septembro la proponojn skribotajn sur la tagordo, kaj aliajn sugestojn.

F-ino *Alice Diekmann*
66 rue de Lyon, Genève.

---

# Centra Dana Esperantista Ligo
# (C. D. E. L.)

### Oficiala Raporto.

La ordinara ĝenerala kunveno de C. D. E. L. okazis la 12an de junio. Ĉeestis delegitoj de ĉiuj aliĝintaj kluboj krom Esbjerg. La nomoj de la delegitoj estis: S-ino L. Blicher (2 voĉoj), F-ino R. Koppel, F-ino A. Mikkelsen, F-ino M. Noll, F-ino A. Petersen, S-ro M. Blicher kaj S-ro Palsberg (4 voĉoj).

Oni elektis F-inon R. Koppel, direktanto.

Estis 4 punktoj en la tagordo:

1. La tiama prezidanto, S-ro A. Taumose, prezentis raporton pri la pasinta jaro. La ĉefaj okazintaĵoj estis la aranĝo de la postkongresaj tagoj en Kopenhago, la decido pri aliĝo al la Internacia Esperanto-Organizo kaj la partopreno de C. D. E. L. en la komerca konferenco en Venezia.

2. La kasistino, F-ino A. Jörgensen, prezentis la jaran kalkulon, kiu estis unuvoĉe aprobita.

3. La malnova estraro proponis, ke la agitadfondaĵo escepte estos uzebla ankaŭ al aliaj celoj ol por eldono de propagandaj presaĵoj, sed tiaokaze nur, se decidite per plimulto de $^2/_3$ de la voĉoj. Tiu propono estis malaprobita.

4. Ĉar la prezidanto kaj kvin aliaj membroj laŭleĝe devis eliri el la estraro, kaj ili ne deziris reelekton, oni elektis per ĉiuj voĉoj de la delegitoj sekvantajn novajn estrarmembrojn:

S-ro Martin Blicher, prezidanto (kiu je la ĝeneralkunveno antaŭ unu jaro pro internaj societaj kaŭzoj demetis sian prezidantan mandaton), S-ro Etzerodt, F-ino R. Koppel, F-ino A. Melchior, F-ino A. Petersen, S-ro J. Wulff.

La membroj, kiuj restas en la estraro de la antaŭa jaro, estas: S-ro G. Hinrichsen, vicprezidanto, S-ro N. C. Carlsen, S-ro Christensen, F-inoj J. kaj V. Jensen anstataŭis F-inon E. Bjarnov kaj S-ro F. Krejl.

20 junio 1923.

*Martin Blicher*
prezidanto.

---

☆

**Helpu ŝpari**

**sendante duoblan poŝtkarton kiam vi petas informon de la Centra Oficejo de UEA.**

**La kosto de afranko estas la plej alta en Svislando.**

# Esperantista Akademio.

## Oficiala komuniko.

Elektoj (junio 1923 anstataŭ 1922). 87 voĉdonantoj.

1. S-ro Dietterle, 83 voĉoj, posteno 5
2. S-ro Lippmann, 66 „ „ 4
3. S-ro Inglada, 65 „ „ 14
4. S-ro Millidge, 64 „ „ 12
5. S-ro Dombrouski, 63 „ „ 16
6. S-ro Bailey, 61 „ „ 17
7. S-ro Isbrucker, 57 „ „ 1
8. S-ro Migliorini, 55 „ „ 6

La kvin unuaj estas elektitaj por 8 jaroj (anst. 9). La posteno 11 (S-ro Evstifejeff, rusa) restas vakanta ĝis post la kongreso. La tri lastaj por 2 jaroj (anst. 3).

La Akademio konsistas nun el: 1a triono (rebalotota en 1928), posteno 13: Lenggel, posteno 15: Grosjean-Maupin, posteno 18: Corret, posteno 8: Kühne, posteno 2: Privat, posteno 3: Cart. — 2a triono (reb. en 1931), posteno 5: Dietterle, posteno 4: Lippmann, posteno 14: Inglada, posteno 12: Millidge, posteno 16: Dombrouski, posteno 11 (Evstifejeff). — 3a triono (reb. en 1925), posteno 7: Nylén, posteno 17: Bailey, posteno 1: Isbrucker, posteno 10: Christaller, posteno 6: Migliorini, posteno 9: Warden.

La estraro de la Akademio konsistas nun el: Prez.: Cart; vicprez.: Warden kaj N.; sekcio gramatiko: N.; sekcio komuna vortaro: Grosjean-Maupin; sekcio premioj kaj konkursoj: Privat.

La elektoj en la estraron okazos dum la Nürnberga Kongreso, aŭ, se ne eble, tre baldaŭ post la kongreso.

Tuj poste la direktoroj de la sekcioj starigos la specialajn fakajn komisiojn, kiuj dependas de ili.

Intertempe la Akademio elektos laŭ § 12⁶ de l' Regularo akademiajn korespondantojn.

17 junio 1923.

La Prezidanto de la L. K.
*Th. Cart.*

# Esperantista Literatura Asocio.

*Julia raporto*

Nia diligenta kolegaro
En laboro paca ne laciĝos

Nun ĉiuj pensoj okupiĝas pri la XVa Internacia Kongreso en Nürnberg. Ankaŭ la Esperantista Literatura Asocio ne silentos, ĝi vigle agados. Du fakkunsidoj estos anoncataj, ni petas la kolegojn, kiuj ĉeestos la kongreson, ke ili vizitu la du kunsidojn. „Konatiĝo inter la verkistoj“ estas unu el niaj celadoj. La kolegoj persone povas konatiĝi, ili povos fari proponojn kaj doni konsilojn, ankaŭ la kotizon ili povas pagi. F-ino Zschepank afable akceptis la oficon de vicprezidantino, ĉar la prezidantino ĉiujare pli maljuniĝas. La Asocio bezonas junajn, freŝajn fortojn, ĝi kresku kaj prosperu, ĉar ĝi estas utila kaj necesa. Ĉiam denove oni atestas, ke la kolega kontrolado plibonigis la verkojn kaj forigis malglataĵojn. Oni ekscios dum la kongreso, kiu gvidos la fakkunsidojn.

La estona, moderna poetino Marie Under, unu el la plej ĉarmaj, plej formvirtuozaj estonaj lirikistoj, donis antaŭ nelonge al S-ino Hilda Dresen tradukpermeson por siaj verkoj. Unu el ŝiaj versaĵoj, „Noktaj stratoj“, tradukita de S-ino Dresen, aperis en N-ro 5a de „Literatura Mondo“.

Riĉaĵon alsendis nia kolego D-ro Andreo Fiŝer (Tiflis) per la firmo Hirt & Sohn, Leipzig: A. S. Puŝkin „Tri noveloj“. La elegante broŝuritaj volumetoj de la internacia mondliteraturo ĝojigos nian legantaron. Simile bela volumeto estas „Legendoj“ de A. Niemojewski (dua eldono). Ilin tradukis kun permeso de la aŭtoro el pola originalo Bronislaw Kuhl kaj „Elektitaj Noveloj“ de Turgenev, tradukis Aleksandra Mexin. La eldonejo Hirt & Sohn ankaŭ sendis originalan romanon, „Abismoj“ de Jean Forge. La tri lastcititaj verkoj ne estis prezentataj al E. L. A., sed ili ŝajnas tre bonaj, ni ilin tial volonte citas, dankante por la alsendo.

Multaj floroj nun kreskas en Esperantujo. Krom la „Bukedeto“ de Margareto Krestanoff (eld. Ziegler) nun baldaŭ aperos du similaj „Bukedoj“ per la eldonejo de Teo Jung (Horrem-Köln). Oni ne interŝanĝu ilin, sed oni ĉiujn aĉetu kaj legu. „La Senlingvulo“ reaperos en 1924 belforme kun la portreto de Korolenko. Valorega verko estas la al ni afable sendita N-ro 9 de la Nova Esperanto-Biblioteko (Ellersiek & Borel, Berlin-Dresden) „Nathan la saĝulo“ de Lessing, esperantigita de K. Minor. La traduko ĝenerale estas rimarkinde bona. La artikolo (apostrofo) kelkfoje ne estas laŭfundamente uzita kaj tute neŝatindaj estas abitre enkondukitaj novaj vortoj kiel: ekspliki, notico k. c. Nepre evitinda ankaŭ estas la sufikso „end“. Ni forte esperas, ke ĝi *ne* enradikiĝos. Ĉu, krom tio, ne estus multe pli laŭ esperantisma sento, ne citi en tia maniero, kia en la antaŭparolo al „Nathan . . .“, la verkadon de nia Majstro?

Nia samideano Geo Gordon nun ne estas en Aŭstralio; li travojaĝis Eŭropon, ĉeestis la kongreson en Helsinki kaj espereble ankaŭ vizitos la XVan en Nürnberg. Ĝis lia reiro al Aŭstralio lia adreso estas c-o Union Bank of Aŭstralio, 71 Cornhill, London E. C. 3 (Anglujo). D-ro Frz. Christanell, Parsch-Salzburg, lerte tradukis la ŝercaĵon „Maks kaj Moric“ de Wilhelm Busch, kiu espereble jam aperos je la Nürnberga kongreso.

Nia nova kolego S-ro J. Reisinger aperigis bonajn versaĵojn en „Marto“, aliaj aperos en diversaj gazetoj. Ili temas pri profunde sentitaj naturobservoj kaj impresoj.

Aliĝis: S-ro J. Reisinger, Ĝenevo, Rue du Cendrier 11.

Volas aliĝi: D-ro Frz. Christanell, Parsch-Salzburg.

Kotizon sendis: F-ino Ida Bücker, S-roj Geo Gordon, H. Seppik kaj J. Reisinger.

Prezidantino:
*Marie Hankel*
Dresden, Nicolaistr. 18.
Vicprezidantino:
*J. Zschepank.*

 LINGVAJ STUDOJ 

## Pri la signifo de l' vortoj.

En la „Monadologio de Leibniz“ ni legas: „ . . kio estas en la kunmetito povas nur deveni de l' enestantaj simplaĵoj . . . la naturaj ŝanĝiĝoj de la Monadoj devenas de interna principo, ĉar ekstera kaŭzo ne povas influi en ĝian internon.“ (Trad. E. Boirac, pp. 12—13.)

Tiu filozofia rezonado, eble prava por la monadoj, ŝajnas esti vortfarada principo por kelkaj mondlingvistoj kiuj aplikas la rigidan sistemon kaj kiuj pro tio estas malamikaj al Esperanto, lingvo kun malrigida ideologia strukturo.

Efektive, en la rigida lingvo al ĉiu ideo konformas aparta nomo, kaj ĉiu vorto havas nur unu signifon. Tiamaniere estas egale — ĉu la vorto kuŝas izola, ĉu ĝi estas en la frazo — ĉiam ĝi portas en si mem sian signifon.

Alie estas konstruita la fleksebla lingvo. En ĝi kombiniĝas elementoj fleksebla, t. e. tiaj, kiuj ne havas per si mem rigide difinitan sencon, sed kies signifoj aperas plenaj nur en la frazo, kaj dependas de la rolo kaj la loko en la frazo. Ĝenerale oni povus diri ke la fleksebla vorto en si mem ne portas sian plenan sencon, sed ĝin ricevas dank' al medio ĉirkaŭanta.

Du ekzemploj klarigu la du sistemojn de semasiologio. En germana lingvo *das Hühnerauge* signifas *la kalo*, kiu en la franca esprimiĝas per *le cor*. Tiu lasta vorto estas fleksebla, ĉar ĝi signifas ankaŭ *signalkorno* (en la ĉaso), *kupra muzikilo* (en orkestro), *kornobranĉo* (ĉe cervo). Alia fleksebla vorto estas franca *la grue*, kiu por zoologo signas *birdon*, por maristo - *levilegon*, por apaĉo - *publikulinon*, en aparta okazo - *malsaĝulon*.

Ekzistas lingvoj nur la pli aŭ malpli rigidaj, la pli aŭ malpli flekseblaj. Ne povas ekzisti tute rigida, nek pure fleksebla lingvo. Alie dirante — ĉiu lingvo, laŭ sia proporcio, estas samtempe rigida kaj fleksebla.

Ankaŭ en Esperanto ekzistas grandare rigidaj vortoj, ekz.: *abrikoto, acero, akuzativo, alko, alno, antimono,...* apud la flekseblaj: *akra, arko, bari, branĉo, ĉeno, dolĉa,...* Vorto *kovrilo* povas signifi malsamajn aĵojn, laŭ la medio: *libra, fenestra, lita, kesta, poŝhorloĝa, kaserola, kontraŭpluva, neĝa*, k. m. a. En ĉiu aparta medio vorto *kovrilo* sufiĉas per si mem. *Montrante kaserolon oni demandas pri la kovrilo. Ordigante liton servistino diras pri kovrilo.* En la vortaro, kie vortoj kuŝas izolaj, oni devas iłin rigide precizigi: *kovrilo de libro, litkovrilo, ktp.* En iu vinvendejo vi povas resti longatempe sen aŭdi vorton *vino*, vi nur aŭdas: *ĉampana, la burgonja, la bordoa, la tokaja, la malaga, la madera, la marsala,...* tia ja estas natura emo al minimuma fortelspezo.

Fleksebla vorto do similas spongon, kiu estas malpeza kaj skeleteca, dum ĝi restas seka; sed la spongo metita en fluidaĵon — absorbas la fluidon, pleniĝas, elkreskas kaj iĝas pezanta. Fleksebla vorto kuŝanta en vortaro ŝajnas esti senviva pala skeleto; sed la sama vorto metita en la frazon, uzita en parolo, dirita en viva medio, — tuj viviĝas, absorbas la sukojn de l' medio, kaj ekbrilas je nuancoj kiuj rezultas de l' reciproka interinfluo: de l' ĝia interna strukturo kaj de l' ekstera vivanta medio.

*Petro Stojan*, L. K.
(Rumanio).

---

## La nombroj en Esperanto.

Mi rimarkas, ke fariĝas kutimo en la esperantaj gazetoj presigi la kelkciferajn nombrojn unu vorto anstataŭ per kelkaj: ekz. dekkvin anstataŭ dek kvin; dudekdu anstataŭ dudek du; centok anstataŭ cent ok. Laŭ mia opinio, tio estas malbona kutimo, kontraŭ kiu mi protestis kelkfoje (en Esperanto-Monthly, Londona Rondiranto, ktp.

Unu el la malmultaj reguloj de Esperanto estas, ke oni ĉiam akcentu la antaŭlastan silabon. Ĉu do la Redaktoroj kaj Aŭtoroj deziras, ke oni elparolu la nombrojn *dek*kvin, du*dek*du, *cen*tok, ktp. Mi kredas ke ne, ĉar tio estus kontraŭnatura kaj tute ne logika. En la esprimo dudek du, ekzemple, estas la silaboj „du ... du", kiujn oni devas akcenti, kaj neniel la silabo „dek", kiu estas negrava.

Estas iom pli bone, se oni metas streketon inter la du partoj, ekz.: dudek-du; sed la plej bona maniero estas sekvi la Fundamenton kaj skribi du (aŭ pli) apartajn vortojn: mil naŭcent dudek tri (1923). Oni rimarkos, ke kvar vortoj reprezentas kvar ciferojn, kaj ĉiu vorto reprezentas po unu.

*J. W. Hipsley.*

---




# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO.

### XV. Kongreso de Esperanto.

La prezidanto de UEA konigas la traktotaĵojn de Universala Esperanto-Asocio dum la laborkunvenoj de la XVa kongreso. La laborkunvenoj okazas: Vendredo, 3 aŭgusto, 9—11 horo matene; Lundo, 6 aŭgusto, 10,30—12,30 horo; Mardo, 7 aŭgusto, 3—5 horo.

*Traktotaĵoj:*

1. Administra raporto 1922.
2. La Jarlibro.
3. Raporto pri la Konferenco de Venezia.
4. La servoj al la komercistoj.
5. Diversaĵoj.

* * *

### Sovjetlandaj dokumentoj.

1.

SOVETLANDA
Esperantista Unuiĝo
(S. E. U.)
**Centra Komitato.**
La 14an de Majo 1923
No. 20
Moskvo, poŝtkesto 630

Proletarioj de la mondo, unuiĝu.

Al Direktoro de UEA
en Ĝenevo.

Estimata Sinjoro,

Kune estas sendataj al Vi la letero pri 1) definitiva likvido de UEA-reprezentado en Unuiĝo de Sovetaj Socialistaj Respublikoj per sendependaj UEA-delegitoj kaj membraro, 2) pri fondo de Soveta Esp-Servo ĉe Sovetlanda Esp. Unuiĝo; kopio de la letero al via ĉefdelegito S-ro Ŝabunjeviĉ. Per aparta sendaĵo ni sendas al vi ĉiujn dokumentojn de la principa karaktero pri agado kaj strukturo de S E U.

Esperante vian bonvolan atenton, restas

sekretario de C. K. S. E. U
*V. Polakov.*

*

2.

Al Centra Komitato de
Universala Esperanto-Asocio.

Kopio al Ceĭdelegito por
Rusio.

Estimataj Sinjoroj

Konforme je la regularo de Sovjetlanda Esperantista Unuiĝo = „SEU", — kiu estas centra organizaĵo por Unuiĝo de Sovjetaj Socialistaj Respublikoj — „SSSR" kaj sekve de la decido de IIIa Tutruslanda Esperantista Kongreso, estis organizita Sov-

jeta Esperantista Servo- „SES", kies celo estas interalie, identa je tiu de U. E. A., t. e. precipe, laŭebla vasta helpo informa kaj teknika al membroj de „SEU" kaj „SAT"; sistemigado kaj publikigado de la movada kroniko, eldonado de la adresaroj k. t. p.

Sian laboron SES efektivigas pere de guberniaj, distriktaj kaj regionaj rajtigitoj de SEU.

Tiamaniere estas evidente, ke paralela agado de ia-ajn esperantista, des pli ekstersovjetlanda organizaĵo en tiu-ĉi direkto en SSSR estus ne nur superflua, sed ĉiurilate eĉ nedezirinda. Ne parolante jam, pri nelaŭleĝaj ekzisto kaj agado de lastaj precipe, en niaj respublikoj, kio plue ne povas daŭri.

Skizinte al Vi, estimataj Sinjoroj, la skemon de l'agado, SES-Centra Komitato de Sovjetlanda Esperantista Unuiĝo havas tie-ĉi la honoron proponi al Vi jenon:

1. estas necese, ke UEA disigu la instituton de siaj ĉefaj kaj aliaj delegitoj kaj konsuloj, reprezentantajn ankoraŭ UEA en SSSR (Unuiĝo de Sovetaj Socialistaj Respublikoj.)

2. ĉar tamen, same necese estas restigi eblecon al tutmonda geesperantistaro utiligadi scion de esperanto en medio de sovjetaj respublikoj, estu proponata al UEA konforma interkonsento sur bazo de reciproka kunagado, tiel, ke eksterlandaj geesperantistoj povu ricevi diversan helpon (— kies detaloj povas esti priparolitaj kaj fiksitaj iom poste) ekskluzive per aparato de C. K. de UEA, kaj geesperantistoj sovjetlandaj nur utiligante C. K.. de SEU; ambaŭ do Komitatoj interrilatas por tio speciale kaj senpere.

Siaflanke, rajtigitoj de SEU jam nun estas pretaj plene sekvi direktivojn de sia centro ankaŭ koncerne informa kaj teknika helpo al eksterlando.

Nur tia interkonsento sur bazo de solidareco prezentiĝas al SEU ĉe la nunaj kondiĉoj kaj situatio en niaj landoj, sole konvena kaj ebla,. Konsiderante la demandon tre aktuala kaj grava kaj dezirante ĝian perfektan efektivigon, kontentigontan ambaŭ flankojn,

ni permesas al ni esperi, ke la favora respondo baldaŭ sekvos.

Moskvo, la 10. V. 1923 j.

Respektplene

*E. Drezen.*
Prezidanto de SEU.
*S. Prezent.*
Ĉefrajtigito de SEU.

*

3.

Al Ĉefa Delegito de UEA por Rusio, —
sinjoro Sabuneviĉ, St.

Estimata Sinjoro!

Car Sovjeta Esperantista Servo jam estas organizita, kiel rezulto de disvolviĝanta laboro de SEU, — ni devas samtempe komuniki al Vi la enhavon de nia letero al UEA.

Sole pro urĝa neceso doni al nia laboro tiurilate, severe laŭsisteman kaj konsekvencan karakteron, ni estas devigataj jam ne atendante la respondon de UEA (kiu povas veni aŭ ne, pro kvankam, pure teknikaj eksteraj cirkonstancoj), peti Vin, ke tuj post ricevo de tiu-ĉi nia letero, Vi ĉesigu oficialan servadan laboron de UEA-delegito, kompreneble, fininte la jam komencitajn aferojn,. Ni refoje ripetas, ke la laboron ĝis nun plenumatan en sovjetrespublikoj de UEA-e-delegitoj kaj konsuloj, prenas sur sin la rajtigitoj de SEU.

Ĉiujn detalojn respektive, ni penos pere de eksterlanda esperantista gazetaro konigi al tutmonda geesperantistaro,

Dum tiu-ĉi demando ne ankoraŭ oficiale estas solvita, SES, memkompreneble, laŭpove kontentigas ĉiujn ekstersovjetlandajn gesamideanojn, kiuj sin turnas rekte al C. K. de SEU.

Tial, kredu, estimata sinjoro, ke al la afero de internacia solidareco nenio minacas: kontraŭe, — ĝi farigos eble pli fortika por komuna bono.

Via ŝatata respondo estus por ni tre valora.

Moskvo, la 10/V 1923 j.

Kun estimo.

*E. Drezen.*
Prezidanto de SEU.
*S. Prezent.*
Ĉefrajtigito de SEU.

* *

Ni publikigas tiun dokumentojn por ke la esperantistoj vidu la faktojn. Cetere ili estas ankaŭ interesa ilustraĵo de la sovjeta mentaleco. Ni rimarkigas, ke:

a) La „Sovjeta Servo" eble kopiis parte la celojn de UEA, sed tute malsamaj estas la organizaj principoj. UEA estas internacia kaj politike neŭtrala; la rusa societo estas nacia kun politikaj tendencoj, kaj la Sennacia Asocio Tutmonda kunigas la fervorulojn de la klasbatalado.

b) En neniu civilizita ŝtato la liberemaj principoj de UEA estis konsiderataj kiel kontraŭleĝaj; kun neniu nacia societo esperantista ni havis ĝis nun malpacon aŭ eĉ nur seriozan diskuton. Se subite „estas necese", ke UEA ĉesigu sian agadon, tiu neceso nur ekzistas en la kapoj de la sovjetaj regantoj kiuj ne povas toleri societon, de ili sendependan.

c) Ĉiam UEA klopodis adapti siajn aranĝojn al la bezonoj de la diversaj nacioj, ĉie ĝi estas reprezentata de enlandanoj, kaj en sia Komitato estas rezervataj du lokoj al la Rusoj. Malgraŭ la krudeco de la tiel nomitaj „proponoj" ni estus intertraktintaj kun la estroj de la Sovjeta Servo, se ili ne estus mem fermintaj la pordon. Je la sama tago, dum kiu tiuj sinjoroj invitis nin al „favora respondo", ili jam ordonis la ĉesigon de la oficiala servada laboro al nia Komitatano kaj ĉefa reprezentanto.

d) Dum la milito kaj poste nia asocio kaj siaj membroj akiris la dankon de multaj Rusoj por la donacoj, monkolektoj kaj sennombraj klopodoj por ili faritaj. Ne de la rusaj Samideanoj devenas la supra ukazo, sed de kelkaj personoj okaze havantaj la povon en la mano, kiuj pretekstas la servojn por celo alia.

e) Konscia pri bone plenumita devo, UEA protestas kontraŭ tiu bolŝevika perfortigo kaj transdonas la esprimon de sia varma simpatio al la subpremitaj rusaj Samideanoj.

Genève, la 20 junio 1923.

Por Universala Esperanto-Asocio:

La Prezidanto: *Ed. Stettler.*
La Ĝenerala Sekretario: *Hans Jakob.*

* * *

**Statistiko pri servoj 1922.** — Dum junio ni sendigis al ĉiuj delegitoj oficialan bultenon N-ro 8 kun demandaro pri la servoj dum 1922. Delegitoj, ne ricevintaj tiun presaĵon bonvolu tion komuniki al ni.

**Jarlibro 1923.** — Ni informas, ke la jarlibro 1923 estas forsendita al ĉiuj membroj pagintaj la kotizon ĝis fino de junio (Dumvivaj membroj, Subtenantoj, Membro-abonantoj, Membroj, sed ne la Helpmembroj). Personoj ne ricevintaj tiun eldonaĵon, bonvolu nin informi. Ekspedo el presejo: 30 junio 1923.

**Insignoj de UEA.** — Ni povis fabrikigi provizon je favoraj kondiĉoj kaj aranĝis sendaĵojn kun dek pecoj, pinglo, broĉo aŭ butono, laŭdezire. Por akceli la vendadon ni konsentas favoran prezon, sed nur por 10 aŭ pli da pecoj.

1. Por Britlando, Belgio, Danmarko, Francio, Hispanio, Italio, Svislando, Nederlando, Norvegio, Svedlando po 10 Fr. 7.50.
2. Por Ĉeĥoslovakio, Jugoslavio, Estonio, Finnlando, Litovio, Latvio, Rumanio, Bulgario Fr. 6.—.
3. Por Aŭstrio, Germanio, Pollando, Portugalio, Ruslando Fr. 5.—.

Pagebla laŭ taga kurzo en la koncerna mono. La kvanto da insignoj por la landoj sub 3. estas limigita. Mendo de malpli ol 10 insignoj ne rajtas la favoran prezon. Neniu preterlasu tiun okazon. La vendo finos je 30 julio kaj valoras tiam ree la ordinara prezo.

**Reklama servo.** — La internacia reklamado pri komercaĵoj, diskonigo de ĉiuspecaj interesaĵoj per nia gazeto, ĉu per aldono de reklamiloj, presigo de bulteno ktp. signifas praktike la reprenon de la antaŭa

## Reklama servo.

La kondiĉoj por *aldono* de simpla reklamilo kun komerca karaktero estas sekvantaj:

a) Kiel aldono al „Esperanto". Pezo de reklamilo: 10—15 gr. maksimume. Kosto por 1000 ekzempleroj aldonataj: 15 sv. Fr., por 2000: 25 sv. Fr., por 5000: 50 sv. Fr.

b) Aparte, sub koverto, ĉu sole al la Delegitoj, ĉu al la abonantoj. Por 1000 ekz.: 35 sv. Fr., 2000: 50 sv. Fr., 5000: 150 sv. Fr. Enmeto kaj afranko kiel presaĵo ĝis 50 gr. maksimume, kun bonaj, sed ne luksaj kovertoj.

La sendo de reklamiloj are al Delegitoj por disdoni estas laŭ samaj kondiĉoj kiu nur varias laŭ la kvanto sendota al ĉiu. Ni rimarkigas, ke la eldoncifero de „Esperanto" estas 6500; forsendataj ĝis 6000 ekz.

Restas la kutima kondiĉo pri malakcepto de anoncoj laŭ Oficiala Bulteno, Novembro 1921 kaj pri ebla rifuzo aŭ ŝanĝo se ni juĝas ilin ne taŭgajn por la oficialaj eldonaĵoj de UEA.

Ni ankaŭ povas prizorgi la presadon de reklamiloj ĉe la presejo de „Esperanto" laŭ plej favoraj kondiĉoj kaj zorga laboro. Demandoj estu sendataj al la Centra Oficejo.

**Kotizoj por 1923.** — Je la 31 majo estis enkasigitaj: 70 kotizoj de Helpmembroj, 1104 de Membroj, 3547 de Membro-Abonantoj kaj 128 de Subtenantoj, sume 4849.

Sama epoko 1922: 4785.

**Subtenantoj.**

*Sepa listo:*

123. S-ro Bengt Arre, Linköping; 124. S-ro Ferdinand W. Breth, Petrolia; 125. S-ro Franz J. Schade, Wien; 126. S-ro D-ro Vilh. Robin, Warszawa; 127. S-ro Wilh. Matthey, Le Locle; 128. S-ro Wlad. Godlewski, Pabjanice.

---

# Esperantista Parolejo.

## Helpu praktike.

Ĉar estas por ni tre grava afero povi montri al la ministerio por eksterlandaj aferoj rezultatojn de ĝia informservo pri Svedujo per „La Informilo" ni petas la ĉiulandajn samideanojn, speciale la delegitojn de UEA, traduki tute aŭ parte la kronikojn svedajn por nacilingvaj gazetoj kaj poste sendi al ni la gazetnumerojn en kiuj la tradukoj estas enpresataj. Ni estas pretaj laŭpove rekompensi por tio, aŭ per sendo de objektoj dezirataj, aŭ per mono, se oni sendas minimume kvin malsamajn gazetnumerojn.

Niavice ni estas pretaj fari similan servon.

*Sveda Esperanto Federacio,* Stockholm 1.

* * *

## Antaŭ- kaj postkongresaj aranĝoj.

*Kunveno de la geesperantistoj, travojaĝontaj Hamburgon por la Nürnberga kongreso, dimanĉon, la 29 kaj 30 Julio 1923.*

La Hamburga esperantistaro ĝojus, povi saluti la gesamideanojn en ĝenerala kunveno. Nia programo estus la jena, supozante, ke la plej granda parto vizitante Hamburgon, jam alvenos dimanĉon, la 29an de julio 23. Ni povas gvidi ilin tra la urbo dum dimanĉo.

Dimanĉon vespere ni aranĝos gajan *salutvesperon.* Lundon ni montros al ili la vidindaĵojn de la urbo aŭ ni faros ekskurson al Blankenese.

Ni petas ĉiujn gesamideanojn, intencantajn viziti Hamburgon, anonci sin baldaŭ al sinjoro

*A. B. C. Senff, Hamburg, Alsterdamm 17*
(vicprezidanto de la Loka Unuiĝo).

Ni petas, sciigi ankaŭ, ĉu vi partoprenos eventualan komunan tagmanĝon.

Ĉio okazos en la belege lokita restoracio „Alsterlust" proksime de la stacidomo (5 minutojn).

* * *

## Postkongresa ekskurso

al la lago Balaton en Hungario.

Rememorante la brilege sukcesintan postkongresan feston en Budapest post la XIIIa Universala Esperanto-Kongreso, la Hungara Esperanto-Societo decidis aranĝi post la XVa Kongreso en Nürnberg ekskurson al la lago Balaton.

La lago estas la plej granda en Meza Eŭropo. Ĝia longo estas 82 kilometroj, ĝia plej granda larĝo 14 kilometroj. Apud la lago estas aro de belaj banlokoj. Ĉirkaŭ la lago komunikiĝas fervojo, sur la lago vaporŝipoj kaj motorboatoj. La gekongresanoj vojaĝos kune al Budapest kaj de tie la linion de Budapesto al Siófok apud la lago Balaton. Se la nombro de la partoprenontoj estos sufiĉe granda, eble sukcesos al ni ricevi apartan vagonaron. Kiu deziros, povos fari la vojon de Budapesto al la lago Balaton ankaŭ per flugmaŝino.

Aliĝkotizo: 1 sv. fr. aŭ egalvaloro. Mono kaj aliĝo estu sendotaj al la aranĝanto de la ekskurso: D-ro Karlo Mezei, VI. Terézkörut 4. Budapest, Hungario. Por la respondo oni almetu respondkuponon. Aliĝu kiel eble plej baldaŭ.

Hungara Esperanto-Societo
D-ro *J. Takács,*
Sekretario de H. E. S.

* * *

### Reklamo per Esperanto.

La esperantistaro nuntempe preskaŭ postulas, ke komercaj firmoj kaj oficialaj institucioj uzu nian lingvon. Lasttempe oni fiere montras la raporton de l' Komerca Konferenco en Venezia kaj diras: Rigardu la nediskuteblan valoron de esperanta reklamo kaj — agu mem! Konferencoj tiaj estas bonegaj pruvoj, tamen oni ne devas halti tie. Per ĉiaj fortoj oni helpu kaj kunagu por ke la oficiala reklamo per Esperanto fariĝu sukcesa. Por la grandioza 300-jara Jubilea Ekspozicio en Göteborg, Svedujo, 8. 5. — 30. 9. tiun ĉi jaron, mi elsendis en la monato marto 1923 al 1600 esperantistaj adresoj 12.000 cirkulerojn esperante presitajn. Ĝis hodiaŭ mi ricevis 11 (dekunu) gazetojn! kun noto pri la ekspozicio. Tiun nombron mi ordinare povas garantii nur el svedaj gazetoj post ricevo de valora esperanta reklamo. Ĉu la esperantistaro kredas, ke la oficialaj institucioj uzas Esperanton nur por la plezuro de nia aro? La faka termino ja estas *„per Esperanto"*, nu estu do *efikaj perantoj!*

Mi tamen esprimas mian sinceran dankon al sekvantaj samideanoj, kiuj bone uzis la reklamilojn:

S-ro Penko Stoev, Plovdiv; S-ro H. Dubuisson, Le Havre; S-ro Jon Giuglea, Bucuresti; S-ro M. F. Schafroth, Burgdorf; F-ino O. M. Havrankova, Prostĉjov; S-ro J. Bieg, Esslingen; S-ro K. Haefeker, Siegburg; S-ro P. Balkanyi, Budapest; S-ro A. Halbedl, Graz.

*Leander Tell*, Stockholm.

* * *

### Oni laŭdas!

*Ni presigas en ĉi tiu senpaga rubriko dankojn nur pri gravaj servoj plenumitaj de delegitoj.*

G-roj *F. F. Fischer*, St. Gallen kore dankas al S-ro *Stefano Labolla*, del. en Palermo pro lia afabla akcepto kaj gvidado, al S-roj *Elis Migliorini*, del. en Roma kaj *Avo. Calestino Cacace*, del. en Napoli por informoj dum vojaĝo en Italujo.

S-ro *Willy Seibt*, oficisto en Maffersdorf apud Reichenberg (Ĉeĥosl.) koregе dankas al ĉiuj samideanoj kiuj helpis al li dum vojaĝo en Italujo, precipe al S-ro *Francesco Pizzi*, del. de UEA, S-ro *Rossetti Fulvio*, S-ro *Mazzariol Armando*, ĉiuj en Venezia, S-ro *Stefano La Colla*, del. de UEA kaj lia frato, S-ro *Raf. Domenico Sarullo*, S-ro *Nardo Palagonio*, S-ro *Federico Caico* kaj aliaj samideanoj en Palermo.

S-ro *H. Tutsch*, Praha, tutkore dankas al S-ro *Piatti*, del. de UEA en Milano, por multoblaj afablaj servoj dum sia dufoja restado en Milano.

S-ro *Ernest Hediger*, nun en Roma tre dankas S-ron Tressel (del. en München) pro afabla helpo kaj rezervo de ĉambro.

S-ro *Krestanoff*, dumviva membro en Dresden, tre dankas S-ron *Rudolf Strauss*, del. en *Halle a. S.* pro grava servo kaj afabla akompano dum vizito de la urbo kaj ĉirkaŭaĵoj. Tio ĉi multe helpis al esperantigo de kelkaj samnacianoj.

D-ro *Simon Kowner*, privatdocento de la Moskva Instituto de Civilaj Inĝenieroj, D-ro *Paul Urysohn*, D-ro *Paul Alexandoff*, ambaŭ privatdocentoj de la Moskva Universitato kore dankas D-ron *Hans Steinberg*, del. en Göttingen (Germanio) pro lia afabla helpo al scienca vojaĝo al Göttingen. Dank' al liaj servoj enveturа permeso kaj loĝejoj, malgraŭ loĝeja krizo estis ricevitaj.

S-ro *W. Kenn* el Ĉinio esprimas sian tutkoran dankon al la *Iberiaj samideanoj* kiuj lin akceptis en Valencio, en Sabadell, en Tarassa, kaj en Barcelono kun afabla gastameco. Li sentis sin ĉirkaŭata de frata varmeco kaj sincereco tute neforgesebla, kaj li deziras ke ĉiuj kiujn li salutis kaj manpremis fartu bone kaj laboru bone por la movado de nia lingvo.

## Esperantista Vivo.

**Naskiĝoj.** — Al Ge-roj *Vasil Lim Baĉvarov*, del. de UEA en Varna (Bulgario) naskiĝis knabino, nomita *Milda*.

— Al Ge-roj *Hubert Ferez*, del. en Strasbourg (Francio) naskiĝis filino, nomita *Mirinda*.

— Al Ge-roj *Mihai Ulciea*, del. en Tecuci (Rumanio), naskiĝis filo, nomita *Constantin*.

— Al G-roj *K. Fritzsching*, del. en Caracas (Venezuelo) naskiĝis dua filino, nomita *Irene Dolores*.

**Fianĉiĝoj.** — S-ro *Hahn* el München kun F-ino *Helmschrott*.

— S-ro *Otto Marquard* en Münster i. W. kun F-ino *Emma Vogler*.

**Edziĝoj.** — F-ino *Aurelia Cappello* el Locarno (Svisio) kun S-ro *Giuseppe Janner*.

— S-ro *H. Sappl* en München kun F-ino *Weber* el Graz (Aŭstrio).

— S-ro *A. Eiglmaier* el München kun F-ino *Schall*.

**Honorigo.** — S-ro *Dolf Halbedl* fariĝis doktoro de juraj kaj politikaj sciencoj. Ni kore gratulas lin.

## Niaj mortintoj.

Kun bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.

D-ro **Kacumaro Okamacu**, japana studento en Germanio, ano de la esperanta grupo de Kiota Imperia Universitato.

F-ino **Aurora Barba**, mortis 24 jara en Barcelona. Ŝi estis fidela esperantistino.

S-ro **Karlo Belohorsky**, 61 jaraĝa, subite mortis en Novi Sad (Jugoslavio). Malgraŭ lia maljuneco li estis fervora ano kaj bibliotekisto de la esperanta societo, kaj ĉiuj sincere funebras la ĉiam bonhumoran samideanon. — Okaze lia entombigo, nia samideano kaj nova bibliotekisto S-ro J. B. Fábry ev. paroĥestro faris la laŭreligian ceremonion, kaj S-ro M. Nešic per bela Esperanto-parolo adiaŭis lastfoje en la nomo de esperantistaro. La entombigon ĉeestis ĉiuj gesamideanoj de Novi Sad.

S-ro **Thomas R. Butler**, anglikana pastro, patro de M. C. Butler, sekretario de B. E. A. mortis 77-jara en Kingston.

Kvankam profunde klera, li tamen estis plej modesta kaj nepretendema, tial nemulte konata. Al eminenta pieco li aldonis grandan humilecon kaj abomenon por ĉia hipokriteco. Tion, kion li predikis, li mem vivis, kaj tolerema por aliaj malsame kredantaj, al si mem li ne permesis la plej etan deflankiĝon el la vojo de la devo, kvankam tiu skrupula fideleco kostis al li multe de la materiala vidpunkto.

Li tradukis en Esperanto „La Dronanta Muŝo", kvar himnojn en la „Himnaro", multe da kantoj en la aperonta „Kantaro" kaj verkis diversajn predikojn por diservoj.

S-ro **Stojno Daskalof**, juna entuziasma esperantisto mortis 21-jara en Granĉar (Bulgario).

S-ro **Philippe Hart**, Aktiva Protektanto de la Rum. Esp.-Movado, partopreninta la Kom. Konferencon en Venezia kiel delegito de „Uniune Forestiera", mortis en Bucuresti la 16an de majo 1923.

S-ro **Hugo Hohmann**, instruisto, del. en Lehe (Germanio) membro 14468, mortis pro apopleksio. Li fariĝis esperantisto dum lia militkaptiteco en Siberio.

F-ino **Koŝizu Jamaguchi**, mortis 24-jara pro pneŭmonio en kuracejo Taihoku (Japanio). Ŝi estis fervora esperantistino kaj pioniro de virina movado en Ekstremoriento.

D-ro **Eduard Mybs** mortis la 4an de junio en Hamburg. De longa tempo li suferis kaj pro tio devis eksiĝi el la Esperanta Akademio. Li estis eminenta esperantisto kaj oni ŝatis la noblecon de lia karaktero, liajn meritojn por nia afero kaj lian ĉiaman entuziasmon. Li naskiĝis en 1859, studis filozofion en Kiel kaj Zürich, medicinon en Würzburg kaj München. En 1912 li fariĝis ano de la „Sanitätsrat" post kiam li estis asistanto en la malsanulejo de Altona kaj praktikanta kuracisto en la sama urbo. Li fariĝis esperantisto en 1903, prezidis la IVan Kongreson en Dresden, estis vic-prezidanto de TEKA kaj kunlaboris al la fondo de Germana Esperantista Societo (majo 1906) kies prezidanto li fariĝis ĝis 1912. Li fondis la grupon de Hamburg-Altona kiun li prezidis ĝis 1911.



D-ro Mybs estis honora membro de UEA kaj de G. E. A., membro de la K. K. K. kaj vic-prezidanto de l' Akademio. Li estis membro de la L. K. de la jaro 1905 kaj de la Akademio de ĝia fondiĝo.

Malgraŭ lia malsano li ankoraŭ sin okupis pri lingvaj demandoj. Nia eminenta samideano tute trankvile endormiĝis kaj mortis senkonscie.

Lia enterigo okazis la 8an de junio. Antaŭ lia tombo S-ro O. Bünemann diris kelkajn parolojn je la nomo de la Esperantistaro.

D-ro **C. Webster-Williams** el Manchester mortis pro kormalsano la 25an de majo en Rhyl, Norda Kimrujo, en la aĝo de 55 jaroj. De 20 jaroj li estis tute blinda, kaj por li Esperanto estis grandega beno kaj ĉiama fonto de ĝojo. Per lia morto la esperantistoj kaj precipe la blindularo perdis eksterordinare fervoran kaj sindoneman kunlaboranton. Li estis prezidanto de la grupo en Manchester, kaj eble la unua blindulo, kiu okupis tian oficon.

D-ro Williams estis aminda, nobla viro, kies bonkora kaj bonhumora rideto longe vivos en la memoro de ĉiuj, kiuj lin konis persone. En li ekzempliĝis la plej altaj kaj noblaj idealoj de nia movado. Lia plej fervora deziro estis vidi Esperanton triumfanta kaj beno al la homaro. En Esperanto li vidis Diodonitan benon, ilon por granda celo, nome la interfratiĝo de la popoloj.

Perdo je tia homo lasas en niaj koroj dum longa tempo senton pri dolora malpleneco. *H. A. L.*

S-ino **Janet Denniston,** patrino de nia samideano H. G. Denniston en Montigo Bay (Jamaiko).

## ŜAKO

Gvidanto: *Fr. Hájek,* Praha-Nusle, Přemyslovo nábř. 396. Ĉeĥosl.

Ĉion kio koncernas ŝakon, sendu senpere al la gvidanto.

**Problemo N-ro 79.**
*B. G. Laws,* London.
(Originalo).



Blanko matas per la **3-a** movo.

**Problemo N-ro 80.**
*Sofio Schett,* Unterwaltersdorf.
(Reproduktaĵo).



Blanko matas per la **2-a** movo.

**Problemo N-ro 81.**
*D-ro A. Schwab,* Celje.
(Ŝah 1922).



Blanko matas per la **4-a** movo.

**Problemo N-ro 82.**
*W. Chmellarz,* Teplitz-Sch.
(Originalo).



Sinmatigo per la **3-a** movo.

### *Alvenis ĝustaj solvoj de la problemoj:*

71 ĝis 74: W. Chmellarz, Teplitz-Sch. (Ĉeĥ.); 71, 72, 73: J. Takáts, Sárospatak (Hung.); 71, 72, 74: M. Willemson, Pärnu (Eston.); 71, 72: O. Poláček, Praha (Ĉeĥ.); S. Frantz, Paris (Franc.); 71, 73: duasolvo D. F. Romein, Drumpt; R. Koerselman, Voorst (Nederl.); R. Soloniewiĉ, Varsovio (Pol.)

### *Solvoj de la problemoj:*

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| **N-ro 75:** | 1. Db 2, | Ĉc 6, | 2. Ĉb 5 mato. | |
| | | Ĉe 6 (Rc 7) | 2. Ĉe 8 mato. | |
| | | Ĉb 7 | 2. Dh 2 mato. | |
| | | Kc 3, d2, e1 | 2. Db 8 mato. | |
| | | alimove | 2. Dh 2 mato. | |
| **N-ro 76:** | 1. Kg 3, | Rh 1, | 2. Kf 2 ktp. | |
| | | Rf 1, | 2. Kh 2 ktp. | |
| | | e 4, | 2. Dh 8 ktp. | |
| **N-ro 77:** | 1. Ka 2, | e 4, | 2. Rb 3, | Rd 5, 3 Rb 4 mato. |
| **N-ro 78:** | 1. Tca 5, | Ĉf 3, | 2. Dd 2 +, | Ĉd 2 mato. |
| | | Ke 4 aŭ De 4, | 2. Ĉd 3, | K, Dd 3 mato. |
| | | alimove, | 2. Ĉc 2, | Kc 2 mato. |

Nekorekta montriĝis la probl. 73 de Willemson pro la duasolvoj 1. Ka 7, 1. Ke 3, 1. Kf 2, 1. Kg 1, 1. Ĉd 8.

### *Korespondoj kaj rimarkoj:*

S-ro Menzel, Breslau. Bonaj problemoj havas kutime tre kaŝitan enhavon. La videblaj preskaŭ-matoj delogas la solvanton de la ĝusta vojo. Post vane provata simila matado oni scias alie ĝui la ĝojon pro la trovita vera solvo de la problemo, kaj per tiu ĝojo rekompencas la arto la solvanton. Ne mirinde tial, ke tiu ĉi fojon vin eraris probl. 74 de Svoboda. — S-ro Willemson. Pärnu. Ankaŭ viaj aliaj problemoj entenas duasolvojn: la kvarmova 1. Ĉe 6, la sesmova 1. b2—b 4. La aplikitaj ideoj estas rimarkindaj, sed estas necese, ke jam la aŭtoro elprovu ĉiuflanke siajn verkojn. — S-ro B. G. Laws, London bonvolu akcepti nian koran dankon. — S-ro H. T. Bailey ankaŭ al vi por ĉiuj penoj apartenas nia dankemo. — S-ro Sentis, Grenoble. Via opinio pri sufiĉeco de la simpla esprimo *sinmato* estas prava, ĉar ĝian signifon tuj komprenas ĉiu praktikulo. *Sinmatigo,* rekomendita de S-ro Bailey, enhavas sole pluran ideon de instigo aŭ kaŭzigo de tiu ĉi sinmato, ne montrante ĉu la agon plenumas partio blanka aŭ nigra. Ambaŭ vortoj diferenciĝas nur per riĉeco de uzitaj elementoj.

# REKLAMO

Nur anoncoj kun *samtempa* pago estas notataj. Ni akceptas la anoncojn laŭ la disponebla loko kaj ne povas garantii la aperon en difinita numero. Ni ne sendas pruvnumerojn kaj rekomendas al la anoncantoj aboni nian gazeton. Ni ne akceptas respondecon pri la sekvoj de anoncoj.

## TARIFO.

### Oficialaj prezoj en svisaj frankoj.

1. **Korespondado:** Unu enskribo (la adreso kaj ne pli ol 5 vortoj) Fr. sv. 0.75. — Por ĉiu plia linio (= 10 vortoj) Fr. sv. 0.50. En naciaj prezoj 2/3 de la prezo de unu enskribo.

2. **Petoj kaj Proponoj. — Internacia Komerco:** Unu linio (= 10 vortoj) Fr. sv. 0.50.

3. **Grandaj anoncoj:** Unu kolono-larĝeco: Fr. sv. 2.00 po centimetro da alteco.

### Naciaj prezoj por la 3 kategorioj.

**Aŭstrio:** Kr. 2000, 2000, 12 500. **Belgio:** Fr. 1.50, 1.—, 4.—. **Britio:** Š. -/6, -/5, 1/6. **Bulgario:** L. 10, 8, 40. **Ĉeĥoslovakio:** Kr. 2.50, 2.—, 7.50. **Danio:** Kr. 0.75, 0.50, 2.—. **Estonio:** Mk. 20, 15, 50. **Finnlando:** Mk. 5, 4, 12. **Francio:** Fr. 1.50, 1.—, 4.—. **Germanio:** Mk. 600, 500, 10 000. **Hispanio:** Pes. 1.—, 0.75, 2.50. **Hungario:** Kr. 150, 120, 500. **Jugoslavio:** D. 4, 3, 15. **Italio:** L. 2, 2, 6. **Latvio:** Lat. 0.30, 0.25, 2. **Litovio:** Lit. 0.50, 0.50, 2.—. **Nederlando:** G. 0.35, 0.25, 1.—. **Norvegio:** Kr. 0.80, 0.60, 2.—. **Pollo:** Mk. 1000, 800, 12000. **Portugalio:** Esk. 2.—, 1.50, 5.—. **Rumanio:** L. 12, 10, 50. **Ruslando:** Sv. fr. 0,30, 0,25, 2.—. **Svedio:** Kr. 0.60, 0.40, 1.50. **Svislando:** vidu oficialajn prezojn. **Usono kaj Kanado:** D. 0.15, 0.10, 0.40.

## KORESPONDADO.

*MALLONGIGOJ* L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarkoj sur bildflanko.* k. ĉ. l. = *kun ĉiuj landoj.* Esp-aĵo = *Esperantaĵo.*

Atentigo!

La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unuloje al la ricevitaj petoj, klarigante ĉu ili deziras aŭ ne deziris daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado per Esperanto.

### Belgio.

**Mont-Saint-Amand-Lez-Gand.** — S-ro M. Sebruyns, rue de Gand, 34, PM laŭ katalogo. Sendas precipe belgajn k. ĉ. l.

### Ĉeĥoslovakio.

**Písek.** — S-ro Jan Huttar, studento, Nádražní tř. 387, L, PK k. ĉ. l.

**Prešov.** — S-ro Mikuláš Ilkovič, universitatano, Masaryková 49, PI, L kun ĉl-studentoj.

**Přibyslav u Něm. Brodu.** — S-ro Jan Vencálek, PI, L k. ĉ. l.

**Přibyslav u Něm. Brodu.** — F-ino Boža Koudelová, Ronovská ulice, PI k. ĉ. l.

**Přibyslav u Něm. Brodu.** — S-ino Anděla Prošková, L, PK, PI k. ĉ. l.

**Přibyslav u Něm. Brodu.** — F-ino Manjo Rosendorfská, L, PK, PI k. ĉ. l.

**Přibyslav u Něm. Brodu.** — F-ino Vlasta Pohořelá, placo 39, L, PK, PI k. ĉ. l.

**Přibyslav u Něm. Brodu.** — F-ino Jarĉa Rozová, L, PK, PI k. ĉ. l.

**Přibyslav u Něm. Brodu.** — S-ro Filip Fiala, ŝparkasa kasisto, L, PK, PI, PM k. ĉ. l.

**Rájecké Teplice.** — S-ro Willy Anderl, PI k. ĉ. l. pri Esperanto-movado.

**Rychnov n. Kn.** — S-ro Ladislav Šimerda, N-ro 446, PI k. ĉ. l. pri muziko.

### Estonio.

**Tartu (Dorpat).** — S-ro Artur Werg, Postkast 13, PM.

### Francio.

**Saint-Donat (Drôme).** — S-ro Egalité Faisant, place des Terreaux, PI k. ĉ. l.

### Germanio.

**Dresden-Dobritz.** — S-ro E. Friebel, instruisto, Residenzstr. 24, I. PI, L ĉiutemaj k. ĉ. l., preferas nur seriozajn gekorespondemulojn ĉiaprofesiajn.

**Ebenbach i. Sa.** — S-ro Arthur Kirchhübel, Hohe Str. 847, L, PI, PM nur kun spertaj esperantistoj ĉl. por 15 grupanoj.

**Frankfurt a. M.** — S-ro C. Hildebrandt, Göringstr. 1, III, PM, rifuzas senvalorajn PM.

**Königshain b. Ostritz i. Sachsen 41.** — S-ro Felix Prescher, L, PI, PM k. ĉ. l., precipe pri elektrotekniko.

**Kreuznach (Rhld.).** — S-ro Oskar Scheidt, Wilhelmstr. 8, PI, L k. ĉ. l.

**Kreuznach (Rhld.).** — S-ro Oswald Weisser, Mannheimer Str. 43, PI, L k. ĉ. l.

**Mannheim.** — S-ro R. Hoeber, Fahrlachstr. 13, PM k. ĉ. l.

**Mannheim.** — S-ro H. Mebs, Gr. Wallstadtstr. 61, kor. k. ĉ. l.

**Mannheim.** — S-ro H. Düringer, tajloro, Heinrich-Lanz-Str. 36, PK, L pri fakaj aferoj, PM k. ĉ. l.

**Pirna a. E.** — S-ro Paul Reimann, Gross. Sedl. Str. 17, L, PI, PM k. ĉ. l.

**Röntgental b. Berlin.** — S-ro R. Mahns, Schillerstr. 21, PM, ne malpli ol 100.

**Wurgwitz-Dresden.** — S-ro A. Wolf, komercisto, 5, P, PI, L, PM, monerojn, monbiletojn kun eksterlando.

### Hispanio.

**Cadiz.** — S-ro Raymundo Sbert, C. Colon 16-2, juna kuracisto kun gejunuloj PI, L, esperante, france, angle.

**Nerva (Huelva).** — S-ro Gaudencio Vásquez, komercisto, calle Jaime Vera 26, kun komercistoj el ĉiuj landoj dezirantaj importi komercaĵojn en Hispanion.

### Italio.

**Genova.** — S-ro Luigi Soleri, Via Amandorla 5-9, PM kun spertaj kolektantoj, ne sendas unue, per referencoj garantias respondon al seriozaj.

### Jugoslavio.

**Novi-Sad.** — S-ro J. B. Fábry, ev. paroĥestro, Jovan Subotićevá ul. 1, PI, bfl, PM po 500—1000 en rek. letero, k. ĉ. l.

**Novi-Sad.** — S-ro Milan Beležanski, Skerlićeva ul. 14, PM, papermono k. ĉ. l.

**Novi-Sad.** — S-ro Jozef Vécsey, Nemačka ul. 37, PM, PI, bfl.

**Novi-Sad.** — S-ro Rudolf Szauter, Električna Centrala, PI, bfl, L k. ĉ. l.

**Novi-Sad.** — S-ro Jozef Munka, Kelčeijeva ul. 22, PI, bfl k. ĉ. l.

**Zemun.** — S-ro Br. Rajšić, Kralja Petra 44, PM, PI kun ekstereŭropanoj.

### Pollando.

**Bydgoszcz.** — S-ro E. Fethké, Petersona 11, kun ekstereŭropanoj.

**Bydgoszcz.** — S-ro St. Fethké, Petersona 11, PM, L pri bankaj aferoj.

**Kolomea.** — A. Karatnyckyj, Jahajlonska 40, PI, PM k. ĉ. l.

**Lodz.** — S-ro G. J. Kvejtman, Przejazd 14 (pri sciencoj kun liberpensuloj, hipnotistoj, framasonoj, sociologoj).

### Svedlando.

**Nässjö.** — S-ro Wallentin Larsson, Parkgatan 22, PI, PK k. ĉ. l.

**Nässjö.** — S-ro J. W. Pettersson, Anneforsvägen 21, PI, PK k. ĉ. l.

**Nässjö.** — S-ro Emil Otterborg, Skolgatan 6, PI, PK k. ĉ. l.

**Nässjö.** — S-ro Carl Hj. Pettersson, Radhusgatan 64, PI, PK k. ĉ. l.

### Svislando.

**Lugano.** — S-ro Aloysio Cappello, Dir. de la jurista Societo „La Difesa", via Maghetti 2, PI, PK, PM, esp.-aĵoj kaj fotografaĵoj (sportoj, belartoj, pejzaĝoj ktp.).

### Ameriko.

**Buenos-Aires (Argentino).** — S-ro José Catala, Calle Uriate 485 Talleres F. C. S., PM rekomendite.

**Buenos-Aires (Argentino).** — S-ro Juan Navarro, Calle S. Martin 485 Talleres F. C. S., PM rekomendite.

**Buenos-Aires (Argentino).** — S-ro Giordano B. López, San Juan 1874, PM, PI kun Oriento.

### Azio.

**Mie - ken (Japanio).** — S-ro Hideo Kamo, Niŝimaĉi, Macuzaka, L, PI, esp-aĵoj.

**Mie - ken (Japanio).** — S-ro Osamu Fukukita, Macuzaka komerca lernejo, L, PI k. ĉ. l.

**Taihoku (Japanio).** — S-ro S. Ren, kolektas esperantaĵojn eldonitajn en Rusio. Sendos gazeton „Verda Ombro" interŝanĝe.

**Tokio (Japanio).** — S-ro T. Yukawa, (Suda Parto) 12-XVII, Take - cho, Shitaga - ku (esp-gaz., jur., rev., laboristaj esp-gaz. Mi kompensos per japana kolorigita karikaturo (sendu eĉ en 1924).

## JUNULA KORESPONDADO

**Por ĉi tiu rubriko rezervata al junuloj maksimume 17-jaraj oni bonvolu indiki la aĝojn.**

**Gosport, Hants (Britio).** — S-ro E. Long, 117, Lessland Road, PI (precipe kun knabinoj) por novaj studentoj 17-19 jaraj.

**Praha II (Ĉeĥoslovakio).** — F-ino Julie Šupichová, Malá Štěpánská 6 n, serĉas por siaj 39 lernantinoj 14-15 jaraj korespondon per PI.

**Přibyslav u Něm. Brodu (Ĉeĥoslovakio).** — S-ro Karel Tomaš, 14 jara, PI, PM k. ĉ. l.

**Přibyslav u Něm. Brodu (Ĉeĥoslovakio).** — S-ro Boh. Čáslavsky, 15 jara, PI, PM k. ĉ. l.

## PETOJ KAJ PROPONOJ.

Al ĉiuj verkistoj-tradukistoj! Oni serĉas lertajn kaj persistofortajn tradukantojn por modernaj romanoj el Esperanto en naciajn lingvojn. Adresu: Fethké, Bydgoszcz, Petersona 11 (Pollo).

**Edziĝo.** — Fraŭlinoj kaj vidvinoj! Mi estas vidvo, 43 jara, havas 19 jaran filon kaj deziras konatiĝi kun fraŭlinoj kaj vidvinoj en ĉiuj landoj, eble farmistinoj, ĝis 45 jaroj. Otto Benedix, Leipzig-Gohlis, Georgstr. 27, Germanio.

**Filatelistoj.** Fl. Kvejtman, Przejazd 14, Lodz (Polio), PM, monbiletoj pogrande, kun seriozuloj, precipe ekstereŭrope.

**Filatelistoj!** Kontraŭ 100—1000 poŝtmarkoj samlandaj mi sendos samkvanton de Hispanio laŭ Yvert 1923. Gabriel Alomar, Prezidanto de „Esperantista Klubo“, Vallori 14, Palma de Mallorca, Hispanio.

**Filatelistoj.** Kontraŭ mondepono aŭ referencoj mi vendas belajn seriojn PM de Germanio aŭ okupitaj provincoj. C. Hildebrandt, Frankfurt a. M., Göringstrasse 1, III. Germanio.

**Gvidlibro** de Jičin presata se cent esperantistoj antaŭmendas ĝin. Skribu poŝtkarton al la Turista Klubo, Jičin, Ĉeĥoslovakio.

**Kiu** sendos al mi francajn librojn (de gravaj romantikaj kaj klasikaj aŭtoroj) tiu ĉi ricevos interŝanĝe belegajn PI aŭ polajn librojn. L. Kubisa, II. Aleja 32, Czestochowa Polio.

**Kiu** povos sciigi min pri nuna adreso de S-ro Henriko Munch el Okocim, kiu forveturis Brazilion en la jaro 1913. Skribi al S-ro Romano, Ingénieur-Architecte, 30 rue de Patay, Paris 13e.

**Naturamantoj.** Fotografaĵoj kontraŭ elektitaj PM. Broŝuro pri la mondkonata glacia groto de Dobšina kontraŭ 3 Kč., kun fot-aĵoj 6 Kč. aŭ fot-aĵoj, Josef Michalsky, Levoča, Spiš. Nová Ves, ž. podatr. XIX., Ĉeĥoslovakio.

**Pensiono** „Esperanto“ Wien IV, Argentinierstr. 53, ekzistas jam 10 jarojn, malgraŭ tio ĝi gastigis nur malmultajn samideanojn. Tial ni invitas la Wien trapasontajn samideanojn loĝi tie.

**PM, PI,** monerkolektojn, fotografilon vendeblajn. Detalajn informojn pri enhavo de la kolektaĵoj sendos kontraŭ respondkupono: Paul Reimann, Gross-Sedlitzer Str. 17, Pirna a. Elbe (Germanio).

**Sveda** traduko de la raporto de la Ĝenerala Sekretario de la Ligo de Nacioj pri Esperanto kiel internacia helplingvo estas havebla ĉe Eldona Societo „Esperanto“, Stockholm I. Prezo 1 svisa franko po ekz.

**Unuan numeron** el 1922 de „Literatura Mondo“ serĉas la eldonejo de „L. M.“, Budapest VI, Andrássy-ut. 81. Interŝanĝe oni tuj sendos du novajn numerojn.

**Vándor.** S-ro Aleksandru Vándor en Arad (Rum.) estas petata sciigi sian novan adreson al S-ro Eduard Ney, Lai tan 27, Rakvere (Estonio).

## INTERNACIA KOMERCO

**Bonkvalitajn** 300—500 greftaĵojn (inokulaĵojn) de bonaj fruktarboj kaj diversspecaj aĉetas: Juozas Vilutis, Ušpaliai paštas, Rimiškiai, Litovujo.

**Germana** eksporto. Por atentigi komercajn kaj industriajn rondojn pri Esperanto mi peras demandojn kaj komisiojn por ĉiuj fakoj. R. Hoeber, Mannheim, Fahrlachstr. 13.

**Industriistoj, komercistoj,** necesas al vi konfidinda kaj kapabla oficisto, ĉiurilate lerte kaj efike viajn interesojn reprezentanta. Mi estas 20 jara, perfekta komercisto, bilanckapabla librotenisto, sperta en eksterlandaj doganaferoj, korespondisto por esperanta, germana kaj ĉeĥa lingvoj, plej parte regas la anglan kaj emas lerni alian lingvon. Bonegaj referencoj. Alfred Heinrich, Tetschen a. E., 343, Langestr. (Ĉeĥoslovakio).

**Komercservo** Böning, Libanonstrasse 45, Stuttgart (leĝe registrita) peras ĉion, precipe elektromotorojn, ledajn klubseĝegojn, prizorgas asekurigojn kaj plenumas zorgeme komisiojn.

**Ornamaĵproduktanto** serĉas komercajn rilatojn kun importistoj kaj vendistoj de Gablonzaj artikloj. Mi liveras ĉiujn artiklojn, prizorgas aĉeton kaj informas senpage pri komerco. Rudolf Lang, Augasse 67, Gablonz a. N., Ĉeĥoslovakio.

**Teksaĵoj.** J. Kunert, Troppaŭ, Ĉeĥoslovakio, grandkomercisto kaj reprezentanto de jutvarkotonaĵ- kaj trikaĵfabrikistoj ofertas plej malmultekoste ĉiujn artiklojn de tiuj ĉi branĉoj.

Esperanto-Presejo Paul Göring, Magdeburg-N.